ISSN 0299-698

# LA GAZETO

## ENHAVO



**OKAZE DE LA JUBILEA ESPERANTO-JARO 1987.**
**APERIS NOVA VERKO DE IVO LAPENNA:**
**"KRITIKAJ STUDOJ DEFENDE DE ESPERANTO"**

**numero 9.** **3a de la 2a jaro** **15MAR87**

# PRI LA GAZETO

LA GAZETO
sessemajna kleriga periodaĵo de la
MONDA FEDERACIO DE KULTURAJ ASOCIOJ
por disvolvigo de la esperantista kulturo

Eldonas
ESPERANTO-MFKA-METZ

Redaktoro
Eugène de Zilah

Redakta Komitato
MFKA - 002 - METZ

Fotisto
Edgar de Zilah

Makedisto
Michèle Schwartz

Adreso de la redakcio
LA GAZETO
39, rue Joseph Hénot
F-57070 METZ

Abonoj ĉe:
CLUB D'ESPERANTO DE METZ,
MCL, 36 rue St-Marcel
F-57000 METZ
poŝtĉekkonto : 762 79 P NANCY

Se vi ne povas poŝte ĝiri, aŭ sendi poŝtmandaton bv. skribi al la redakcio, ni klarigos al vi, kiel oni povas aboni el via lando.

Jarabono
6 sinsekvaj numeroj : 13 ekuoj
Vi povas komenci la abonon
iam ajn
La Gazeto ne aperas dumsomere

Anoncoj
1/4 da paĝo = 40 ekuoj
1 preslinio = 1.5 ekuoj

Recenzoj
bonvolu sendi po du ekzemplerojn de la recenzotaĵoj al la redakcio

PRI LA STILO KAJ ENHAVO DE SUBSKRIBITAJ ARTIKOLOJ LA GAZETO NE RESPONDECAS

*PERANTOJ*

***Aŭstrio :*** *D-ro Klaus PERKO, Lendkai 111, A-8020 Graz. — Poŝtkonto : Graz 1257.845; jarabono : 190 ŝilingoj.*
***Britio :*** *Geoffrey KING, 228 Capworth Street, GB-London E10 7HL jarabono : 9.5 pundoj.*
***Bulgario :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 6.3 levoj.*
***Ĉeĥoslovakio :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 40 kronoj.*
***Danio :*** *Eldonejo PERSPEKTIVO, Norregardsvej 91, DK-2610 Rodovre. — Poŝtĉekkonto : 9 32 95 95; jarabono : 102 danaj kronoj.*
***Francio :*** *Club d'Espéranto de Metz, MCL, 36 rue St-Marcel, F-57000 Metz — Pĉk : 762 79 P Nancy; jarabono : 90 francaj frankoj.*
***F.R. Germanio :*** *Rudolf HELMKE, Wiesenstrasse 9, D-4773 Möhnesee-Günne — Konto n° 31 377 021 Sparkasse Möhnesee (BLZ 41451485); jarabono : 27 germanaj markoj.*
***Hispanio :*** *Luis HERNANDEZ-YZAL, Banka Mas Sarda: 19000 669/2, Vilafranca del Penèdes (Barcelono), Avenda de Barcelona 35; jarabono : 1800 pesetoj.*
***Hungario :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 315 forintoj.*
***Italio :*** *Enrico MINGO, Via Simone Martini 22, Isolato 19, I-80128 Napoli; jarabono : 18800 liroj.*
***Jugoslavio :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato ĉe : „Voĉo de Handikapuloj", Dušan ADNADJ, Školska ul. 25, YU-56227 Borovo; jarabono : 3150 dinaroj.*
***Luksemburgio, Belgio :*** *Albert WICKLER, 1 rue de Kehlen, L-Olm. — Poŝtĉekkonto : 54175-49; jarabono : 561 belgaj frankoj.*
***Norvegio :*** *ESPERANTOFORLAGET A.S., Olaf Schous vei 18, N-0572, Oslo 5, poŝtĉekkonto: 5100 318; jarabono : 103 norvegaj kronoj.*
***Pollando :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 1380 zlotoj.*
***Svedio :*** *Gösta PERSSON, Buntmarkaregatan 1, S-25248 Helsinborg. — Ĝirkonto : 434 1664-3; jarabono : 95 svedaj kronoj.*
***Svisio :*** *KCE, CH-2301 La Chaux-de-Fonds — Poŝtkonto : 23-2921; jarabono : 23 svisaj frankoj.*

*Por pagi tra **la abonhelpa fonduso** bv. skribi al LA GAZETO*
Aperdato de la venonta numero : **30APR87**

Directeur de la publication : Madeleine de Zilah
Imprimé par RAPID'IMPRESSION, 2 rue de la Côte, F-57050 Metz
Dépôt légal : L1 - 1979/85

# PRI HOMARANISMO



*Eugène de Zilah*

Esperantisto, tamen iom klera, parolis pri homaranismo, kiel pri nova religio, kiun Zamenhof intencis starigi. Strange, mi pensis, ke klopodoj de tuta vivo ne sufiĉas por ke homoj ne misinterpretu tion, kion oni pensas kaj diras. Kiel, en la tuta vivo de Zamenhof, iu povas trovi la intencon aldoni novan religion al la jam (tro multnombre) ekzistantaj? Temas pri tute alia afero! Pro tio grumbladas ĉiuj sektanoj. Ni analizu simple, laŭ la plej elementaj gramatikaj metodoj de Esperanto la vorton **homaranismo.** Ni trovas, ke la ĉefelemento estas **ismo,** tiu estas sistemigita idearo, aŭ se mi ne povas rezisti al la internacieco de malbona vorto, „ideologio"*, al kiu oni psiĥe alkroĉiĝas. Ĉi tiu ismo rilatas al „ano", do temas pri afekcie elektita ideologio, kiu esencigas homon, kiel anon de aro. „Aro" estas pli ol „grupo", „amaso", ĝi difiniĝas laŭ PIV, kiel „kolekto da elementoj, difinebla per unu karakteriza eco, kiu ebligas distingi, ĉu unu elemento apartenas aŭ ne al tiu aro." La „ karakteriza eco" estas la „hom"-eco. Do, **homaranismo** estas sistema idearo, morale celata, tra kiu homaranisto provas atingi sin mem, kiel homon esence ligitan al ĉio homa. Ĝis nun ni ne parolis pri religio, nek pri Dio. Ĝis nun ni havas nur la ideon de superado de akcidentaj idearoj, kiuj forbaradas homon de perspektivo esence tuthoma, de perspektivo en kiu la valoro de homo ne dependas de lia ideologia karcero.

Religio estas institucio, kiu sekurigas vojon al homo socia atingi de li celitan Transcendaĵon. Ĝi havas ne homecan, sed transhomecan karakteron, kaj tute ne gravas al nia temo, ĉu ĉi tiu transhomeco estas reala aŭ iluzia. Sekve, homaranismo ne povas esti religio. Ĝi konkurencadas neniun religion. Kion oni riproĉadas al ĝi estas la pretendo superi per racialaj rimedoj la lojalecon, kiun, laŭ religioj, fidelulo ŝuldas al sia religio.

Sed la homaranismo ne implicas la mallojalecon al onia religio. Ĝi postulas nur la respekton de alies fido, kaj pro tio, moralan sintenon, kiu malpermesas la altrudadon de sia religia konduto al aliaj homoj. Pro tio, homaranismo ĝenas la zelotismojn kaj homojn, kiuj opinias, ke ekzistas ununura, vera, universala religio. Ankaŭ tiujn, kiuj ne komprenas, ke ĉiu ŝtatideologio estas, el sociologia vidpunkto, religia. Homoj ofte forgesas la ekziston de ateismaj religioj, kiel, ekzemple, kelkaj budhismoj.

Zamenhof estis profeto de iu pli alta homa vivoformo, kiun li nomis „interna ideo". La lingvo internacia estis unu el la rimedoj nemalhaveblaj, kiun li elpensis por konstrui la bazon de la realigo de sia intuiciaĵo. Sed neniam li estis sufiĉe naiva por kredi, ke la homaro fariĝos unueca „rondo familia", nur pro tio, ke ĉiuj homoj kapablos paroli komunan duan helplingvon. La lingvo por Zamenhof estis kondiĉo necesa, sed ne sufiĉa. Do tute normale, postkiam li elfaris la unuan paŝon, tio estas kiam li ellanĉis la internacian lingvon, li tuj volis fari duan paŝon, tio estas ekigi la konstruadon de nova tuthoma etiko, kiu per neŭtralaj kondutmanieroj raciaj ebligus la elradikigon de la interetnaj malamoj. Ne ĉar li estis naivulo, kiu kredis, ke la militoj elvenas el interetnaj malamoj, sed tial, ke li sciis, ke la registaroj bezonas la interetnan, interklasan, interreligian, interrasan kaj aliajn malamojn por sekurigi la propagandajn fasadojn de siaj militoj. La kapablo kompreni unu la alian utilas al la homaro, nur se oni diras ion. La homaranismo estas la gramatiko de tio, kion oni devas diri, se oni volas veran progreson de la homaro.

Bedaŭrinde la fato ne lasis la tempon al Zamenhof por fini sian duan paŝon. Probable, cetere, li ne estis sufiĉe preparita por teknike finfari filozofian sistemon. Eble li eĉ ne volis tiel fari. Kiel por la kreado de la lingvo internacia, li probable nur volis komencigi kolektivan kunlaboradon de kompetentuloj por la realigo de siaj intuicioj. En 1906a li verkis la mallongan traktaĵon pri „Hilelismo"**, kiu estas la unua nomo de homaranismo, en kiu li rekte celas la interetnajn problemojn en Rusio, tio estas

**ABONHELPA FONDUSO**

por helpi niajn samideanojn el kelkaj landoj legi LA GAZETO-n ni danke akceptas eĉ la plej malgrandajn monsumojn. Ni dankas al :

| | | |
|---|---|---|
| S-ro CLAVEAU | F | 19.00 EKs |
| D-ro CARLEVARO | S | 12.00 EKs |
| S-ro MARTIN | F | 1.50 EKs |
| S-ro DERKS | NL | 22.30 EKs |
| S-ino LE CORGNE | F | 17.00 EKs |



# LETEROJ

ion limigitan kaj praktikan. Li skribis al s-ro Kofman, kiu loĝis en Odeso : *„Ne timu tamen, ke la projekto de hilelismo kun lingvo neŭtrala estas danĝera por Esperanto! Ho ne, ho ne! Mi estas certa, ke se vi bone pripensos la aferon, vi venos al la konvinko, ke ambaŭ demandoj estas tre malvaste kaj nedisigeble ligitaj inter si. Tiel same kiel la hilelismo ne povas ekzisti sen lingvo neŭtrala, tiel same la ideo de lingvo neŭtrala neniam povos vere efektiviĝi sen hilelismo!"*. Sed tamen la esperantistoj daŭre timis. Ankoraŭ hodiaŭ, malgraŭ dua traktaĵo pri „Homaranismo" el la sama 1906a jaro, kaj malgraŭ la fakto, ke ĝis la fino de lia vivo Zamenhof restis konvinkita pri la nepra neceso apogi la lingvon internacian sur la homaranismon, kelkaj teoriuloj de la movado pli bone konas ol Zamenhof la bonon de Esperanto, kaj timas kompromiti ĝin per iu „interna ideo", per iu enhavo ideala.

La afero, tamen, ŝajnas evidenta : homaranismo estas la etika, socia, politika penso, kiun alstrebis ĉiuj valoraj spiritoj de antaŭ la Renesanco. Esence ĝi ne estas tre malsimila de humaneca internaciismo. Ĝi postulas la respekton de pluraj samtempaj kaj samlokaj ideologioj,* metante la Esperantiston super ilin. Pro tio ĝi ne estas akceptebla de universalismoj kaj de totalismoj, ĉar neniu volas sian propran morton.

**Eugène de Zilah**

* ***„ideologio"*** *signifas „scienco pri ideo", samkiel „psiĥologio" = „scienco pri psiĥo", „sociologio" = scienco pri socio", „etnologio" = „scienco pri etno", ktp.*
*Certe „logio" estas la nomo de parole elmetenda, do ankoraŭ ne matematikigita, aŭ ne matematikigebla, sciencobranĉo. Sed PIV akceptis (bedaŭrinde) la sencon : „3. Tutaĵo de la ideoj, formantaj la bazon de unu ekonomika aŭ politika sistemo : kontraŭrevolucia, marksisma ideologio."*

** ***Hilel*** *(70 a.K. — 10 p.K.) estis klera rabeno, kiu klopodis superi la dogmismon kaj solvi la problemojn metitajn de la maltoleremo de diversaj judaj sektoj.*

---




***S-ro Hermann Schmid, (D)***

*Malgraŭ tio ke la temo „malhelpo de SAT-kongreso en Pollando" jam pluraj esperantistoj laŭtigis siajn voĉojn, mi tamen volas aldoni kelkajn liniojn. Por tion diri tuj ĉe la komenco, mi ne kredis, ke la pola registaro lasos kongresi SAT-on sur sia teritorio, kaj tion mi ankaŭ diris al pluraj amikoj. Nu, eble kelkaj kredis al mirakloj, kaj eble al tio, ke eventuale la centjara jubileo de Esperanto povus stimuli la polajn aŭtoritatojn al certgrada „mildeco"; supozo kio eĉ ne estas tute fantazia. En la politiko ja okazas multe pri kio simpla civitano nur povas skui la kapon, kial do ne ankaŭ okazu foje io tia. Nun estas ja granda diferenco, ĉu temas pri alia ekonomipotenca ŝtato, al kiu oni faras riverencon, — aŭ al nur relative politike sensignifa Esperanto-movado, al kiu ne indas priatento. — Dume SAT kaj ĝiaj membroj politikumas en Sennaciulo senĝene, ĉu tio plaĉas al iu ajn registaro aŭ ne. UEA estas „neŭtrala" — kvazaŭ ĝisoste — ĝis laŭ mi jam al servuteme forma maniero. Tio estas la prezo, kiun ekzemple UEA devas pagi por la ebleco povi kongresi en preskaŭ ĉiu ajn lando. Oni nun povus longe disk(p)uti, ĉu tio ne jam estas ekster la limo de homa digno, kaj ankaŭ tio de asocio. Ekzistas laŭ mi neniu alternativo, aŭ Esperanto-Asocio „kondutas" tiel kiel UEA kaj tial havas la eblecon, kongresi ĉie ajn, aŭ ĝi procedas kiel SAT, — kaj trovas multajn limojn fermitaj. — Estas entute malfacile por esperantistoj vivantaj en „certaj" landoj labori por Esperanto. Ĉu ili laboru por Esperanto, — kaj tiam vole nevole devas trovi almenaŭ ioman kompromison kun la ŝtato, aŭ ĉu ili kondutu sin opozicia, — kaj ne havas eblecon publike okupiĝi pri Esperanto. Se ni rigardas la mondmapon kaj identifikigu la unuopajn ŝtatojn, ni baldaŭ konstatos, ke vere demokratiaj kaj liberaj ŝtatoj ne tro abundas. Leviĝas do la (simpla) demando, ĉu Esperanto disvolviĝu nur en la malmultaj demokrataj kaj liberaj ŝtatoj, aŭ ĉu ĝi laŭeble disvastiĝu en la tuta mondo. Kiu estas por la laste menciita, tiu vole nevole ankaŭ devas akcepti la cirkonstancojn, sub kiuj la esperantistoj tie devas agi kaj labori. — Ni feliĉuloj, kiuj loĝas en libera lando, ne suprentiru la nazon pri la sinteno de niaj lingvo-amikoj, ĉar multaj el ni, — kaj precipe tiuj, kiuj ne jam mem travivis diktaturon, tute ne povas imagi, sub kiaj kondiĉoj tiuj homoj devas labori. — Mi naskiĝis en 1922, kaj estis kiam*

*la faŝista reĝimo venis al la potenco, 11 jarojn aĝa, do mi devis vivi kaj klopodi travivi tiun inferon. Ĉu temas pri ruĝa aŭ bruna diktaturo, neniu estas agrabla, male, la homoj devas tratordi sin iamaniere. Tio nature neniel signifas, ke mi pledus por la tielnomata „manlekado" al la aŭtoritatulo ie ajn, sed mi bone komprenas, ke la homoj tie iamaniere devas aranĝiĝi kun la ŝtato kaj ties instancoj, se ili volas ne nur travivi, sed ankaŭ agi kaj labori por la Internacia Lingvo. — Precipe kiam temas pri organizo de kongreso internacia, ĉu granda aŭ malpli granda, senteble rimarkiĝas „kie" oni loĝas. Ni en tielnomata libera ŝtato ne devas peti ies ajn permeson, ĉu ni rajtas inviti homojn el dekoj da landoj por kongresi en nia urbo kaj lando. Dependas nur de la sperto kaj ruzo de la organizantoj, — kiamaniere ili prezentas la aferon al la respondeculoj de la urbo kaj ŝtato por ricevi financan subtenon por la spektaklo. — dume niaj lingvo-amikoj en la „aliaj" ŝtatoj devas unue peti permeson pri tio kaj strikte sekvi la regulojn donitajn por ricevi la eblecon organizi kongreson. — Mi tute ne tro miris pri la okazintaĵoj en Pollando, kie oni kvazaŭ forpelis la samideanojn el siaj funkcioj de la Esperanto-movado, ĉar ili laŭŝajne iom tro „formoviĝis" de la preskribita vojo. Kiel malnova esperantisto mi tion ege bedaŭras kaj esprimas mian kunsenton por tiuj samideanoj, kiuj ne plu havas la honoron povi labori por Esperanto kaj la kongreso en la jubilea jaro. — La demandon, ĉu oni entute kongresu en tiaj landoj, mi ne povas respondi, tion ĉiu faru por si mem.*

**LG** : Kun plezuro **LG** publikas vian saĝan leteron.



***S-ino Mila v.d. Horst-Kolinska, (NL)***

*Dankon pro ricevitaj eĉ du ekz. de nr 7 sed... bedaŭrinde... mi ne povas aliĝi al la laŭdantaro de via revuo. Tre mirigis min la enhavo de via artikolo FOR LA HIPOKRITECON, kaj vere mi bedaŭras, ke mi devas ŝanĝi mian opinion pri vi kaj LA GAZETO. Post tralego de tiu artikolo mi havis senton, ke vi agas kiel „hundo kiu ne povas mordi, do bojas"... kie estas via neŭtraleco pri kiu vi tiel bele skribis en la unua numero de LA GAZETO, kie estas la TOLEREMO, kiun devus sekvi ĉiu racia homo?*

*Ĉu vi kreis gazeton por tiuj kiuj ne kapablas praktiki tiujn du supre menciitajn nociojn?... kaj kapablas nur „boji" ? Vere mi bedaŭras, ke via gazeto iom post iom fariĝas revuo de „bojantaj malkontentuloj".*

*Mi ne apartenas al ili, kvankam ankaŭ al mi ne ĉio plaĉas en nia E-movado, sed... „tamtami" pri io kion vi tamen ne povas ŝanĝi (ekz. la lokon de jubilea kongreso) estas sensencaĵo, kiun mi ne atendis de vi. Mi povas kompreni la malkontentajn artikolojn de W. Zelazny kaj de aliaj, kiuj havas la kaŭzon esti koleraj, sed de vi... . Al la redaktoro de neŭtrala E-revuo ne decas sekvi la saman vojon. Pripensu tion.*

*Mi aldone sendas 30 guld. kiel abonon por 1987, sed se via gvidlinio ne ŝanĝiĝos, se vi daŭre akceptos artikolojn „bojantajn" kontraŭ iu ajn, mi ne plu daŭrigos mian abonon, ĉar mi simple ne ŝatas tion. Eble mi estos unuopa, kiu havas tian opinion des pli bone por vi, tiam vi ne perdos pli da abonantoj, sed ankaŭ ne gajnos ilin. Esperante, ke miaj vortoj pensIGos vin, mi deziras al vi kaj via grupo SUKCESAN JUBILEAN JARON.*

**LG** : Vi utiligas la radikon „boj..." kvarfoje en via letero, tio memorigis al ĉiuj el ni ŝercanekdoton jam malnovan, el la epoko, kiam en Polio floris la printempo de „Solidarnosc". Al ni rakontis ĝin ĉeka samideano. Jen : En Ĉeĥoslovakio okazis granda kunveno de malsatantaj hundoj, kiuj simpoziis por trovi solvon de sia „osto-problemo". Du ĉefaj tendencoj ekaperis en ĈHA (=Ĉeĥoslovakia Hunda Asocio). La unua volis nenion ŝanĝi kaj resti hejme por atendi, ke la nutraĵaferoj pliboniĝi de si mem. La alia postulis tujan elmigradon al Polio, kie ĝi esperis trovi manĝaĵojn. Sekve okazis skizmo kaj ĉirkaŭ la duono de la ĉeĥaj hundoj elmigris. La estraro de ĈHA decidis, ke se la elmigrinta tendenco pravis, ĝi resendos hundon por informi la restintojn pri la vivkondiĉoj en Pollando. Iom poste la hunda delegito de la „ Varsovia tendenco" de ĉeĥaj hundoj fakte revenis en Ĉeĥoslovakion. Ĝiaj okuloj ardis, ĝia felo estis brila, ĝia vosto kirladis la aeron, tamen li ne aspektis pli dika, ol la restintaj hundoj, kiuj febrece ĉirkaŭis ĝin, kaj demandis :

# LETEROJ

– Nu, ĉu ekzistas abunda nutraĵo ĉe la poloj?
– Ne, bedaŭrinde ne ekzistas tie pli da ostoj, ol ĉi tie...
– Kiucele do oni resendis cin?
– Por diri, ke vi tamen venu Pollandon, ĉar tie, eĉ se nenion oni povas manĝi, **oni tamen rajtas laŭvole boji.**

Pli serioze : la toleremo estas ne malami homon, kiu ne samopinias kun ni. Ĝi ne signifas ne havi proprajn opiniojn. Hundo bojas por averti pri danĝeroj, kaj tion ĝi faras eĉ se ĝi kapablas mordi. Bona hundo neniam mordas antaŭ ekbojado. Kaj ni? Ĉu vi vere opinias, ke ni devus senboje mordi, ekzemple denuncante al ŝtataj funkciuloj niajn samideanojn, kiel faris kelkajn el la nuna puĉa estraro de Pola Esperanto-Asocio? Kiel faris kelkaj britoj antaŭ kelkaj jaroj por kalumnii profesoron Lapenna? Ni ne povas supozi, ke vi volus, ke LA GAZETO fariĝu senvertebra foliaĉo konsentante kun ĉiuj inter si kontraŭdiraj opinioj. Antaŭ la puĉo en PEA nia opinio estis, ke oni ne devas okazigi ĉiujn jubileajn internaciajn aranĝojn en ununura totalisma lando. Ni diris tion, kaj oni aŭskultis nin : Okazos Jubilea Internacia Konferenco en Graz (A) por ĉiunivelaj kaj ĉiutendencaj esperantistoj; okazos kongreso de SAT en Bulonjo-sur-Maro (F). Ni apogas kaj propagandas ambaŭon. Kompreneble, tiu, kiu ne rilatas al ni samideane, niaopinie ne fariĝas malamiko pro tio. Post la puĉo en PEA kaj la malinvito de SAT **ni opinias, ke morale ne decas, kaj taktike ne logikas, subteni jubilean kongreson de UEA en Varsovio. Tio ne signifas, ke ni malkonsilas ĉiujn UK-ojn de UEA.** Ĉi tio estas nia opinio, kaj ni rajtas diri tion, ĉar ni ne estas jezuitaj monaĥoj, nek membroj de totalisma partio, kiuj ĵure promesis ne publikigi siajn opiniojn sen permeso de superuloj. Se ni eraras, oni racie diskutu kun ni! LA GAZETO estis lanĉita por diri la veron, por permesi la dialektikon de kontraŭaj opinioj, por aŭdigi la voĉon de la Zamenhofa Esperanto-movado. Ni esperas, ke vi ne forlasos nin, sed la eventuala ĉesado, pro manko da abonantoj, de LG, ŝajnas al ni malpli grava ol la glitado en mensogadon kaj flatigadon.

K I A   M I K S A Ĵ O !

Kiel la ekstera mondo povos partopreni en la festoj pro la Jubilea Jaro? Speciale por tiu celo F.V. Dorno verkis unuaktan komedion (50-minutan), en kiu la nacia lingvo plej gravas kaj Esperanto estas akcesoro. Eĉ neesperantistoj povas ĝui la komikajn situaciojn en la Esperantista familio de la teatraĵo. Ĝin vizitas neesperantistoj kaj eksterlanda esperantisto, pro kio estiĝas lingva miksaĵo, sed ... „Kia Miksaĵo!"
Flandra Esperanto-Ligo eldonis la tekston en la angla, franca, germana kaj nederlanda versioj en unu libro. Pro mecenato de la aŭtoro eblas disponigi tiun libron de 240 paĝoj kontraŭ nur 100 BF (+ sendokostoj) aŭ egalvaloro. Interesatoj el nepagipovaj landoj ankaŭ povas ricevi ĝin interŝanĝe kontraŭ alia libro.
Mendoj ĉe Flandra Esperanto-Ligo – Frankrijklei 140 – B 2000 Antwerpen, Belgio.

## SOLVOJ EL LG-9

| | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | R | A | G | N | A | R | S | S | O | N |
| 2 | E | R | I | N | I | O | ■ | A | D | A |
| 3 | S | E | B | ■ | R | M | ■ | R | O | J |
| 4 | P | O | R | O | ■ | O | R | K | ■ | T |
| 5 | O | L | A | F | O | ■ | ■ | O | P | I |
| 6 | N | ■ | L | E | K | S | I | K | O | N |
| 7 | S | U | T | R | ■ | A | N | A | ■ | G |
| 8 | O | R | A | ■ | A | M | O | R | F | A |
| 9 | R | A | R | I | G | O | ■ | P | E | L |
| 10 | I | K | O | N | O | S | T | A | Z | O |

SOLVO DE LA ŜAKPROBLEMO „ŜPB-8"

1. ĉH3-F4 (blokado). 2. Se la nigrularo respondas per pC4 x B3, tiam ĉF4-d3 (mato!); se pD5-D4, tiam dD7 x D4 (mato!); se kD8-C7, tiam dD7 x C7 (mato!); se pG4-G3, tiam dD7-E6 (mato!); se ĉ ??, tiam ĉF4 x G5 (mato!), se rE5 x F4, tiam dD7-D6 (mato!).
Sur la diagramo la ciferoj estis inversitaj kaj mankis la ŝlosila ĉevalo H3, sed ne ĉio ĉi trompis la spertulojn. Ni tamen pardonpetas.

Gratulojn al la solvintoj de la krucvortenigmo "KVE-8":
d-ro Guido Holz (D)
p-ro A. Burkhardt (D)
s-ino Gemma Rassouw (F)

*S-ino Mila v.d. Horst-Kolinska, (NL)*

*En „Vortoj de la redaktoro" nr 8/87 vi tuŝas tre gravan, sed ne tute objektive traktitan temon E-asocioj landaj aŭ internaciaj.*

*Vi tute pravas skribante ke : „La aktivuloj en nia movado estas volontuloj idealismaj" kiuj ofte „fariĝas senentuziasmaj aparatuloj aŭ ili kabeiĝas." Ĉi tio dependas de : individua personeco, loka medio kaj cirkonstancoj, en kiu vivas la individuo, kiuj iamaniere formas lin.*

*Tamen vi ne akuzu, ke politiko de UEA dependas de landaj asocioj, ĉar UEA nur iagrade dependas de landaj asocioj kaj ĝi ne povas neglekti la kunlaboron kun ili eĉ se ĝi (UEA) ne plene konsentas kun la agoj de certaj estraroj. La rolo de UEA estas malfacila kaj ĝi klopodas plenumi ĝin kontentige, sed... kiel diras la proverbo — „ankoraŭ ne naskiĝis tiu kiu kontentigus ĉiujn" krom tio la esperantistaro mem estas tre malfacila „popolo" restanta sub influo de siaj naciaj, religiaj kutimoj, pensmanieroj ktp. Nian esperantistaron oni devas „eduki" pensi, senti kaj agi internacie kaj pli toleremе. (Manko de toleremo estas nia ofta peko). Tion jam konstatis Lanti kiu diris : „SAT-anoj kutimiĝu al EKSTERnacia sent-pens kaj agad kapablo." Pro tio sur la paĝoj de SENNACIULO vi povas trovi artikolojn similajn al tiu de Samiljenko. Kvankam ilia revuo estas unu el plej toleremaj kompare kun aliaj tamen ankaŭ ĝi havas siajn mankojn.*

*Mi apartenas al ambaŭ asocioj UEA kaj SAT kaj en ambaŭ mi trovas ion kion oni povus plibonigi, sed... kiu el ni estas perfekta? Ĉu eble vi sentas vin tia? (mi ne). Tamen se vi sukcesos (almenaŭ en tio), ke vi pli ofte — „eltranĉu la alineojn, ĉar ili atakas homojn, anstataŭ kritiki ideojn aŭ agojn" citaĵo el LG tio jam estos sukceso. Se vi konsekvence kaj prudente realigos principojn de „NIA LINIO" el nr 2/86 do :*

*1)...valorigo de Esperanto, 2)...aktiva neŭtralismo, 3)...neniam esti reakcia, (en tiu principo vi ne estas konsekvenca. Relegu ĝin ankoraŭ foje). 4)... disponigi la plej ampleksan forumon... (teorie ĝi sonas bele, sed la praktiko ne konfirmas tion). 5)... kritiki jes, sed la kritiko devas esti pozitiva, do konstrua, sen maliceco (kiun vi tamen mem praktikas priskribante la 5-an principon). Do se vi deziras ion instrui al ni, vi devas mem doni bonan ekzemplon kaj tio mankas.*

*Do se vi estonte konsekvence mem agos laŭ menciitaj principoj, tiam certe la legantaro nur kreskos kaj neniu diros al vi, ke vi estas gazeto por „bojantaj malkontentuloj". Tion mi esperas, kaj tion mi atendas de vi kiel redaktoro. Tiam mi ne nur restos via abonanto, sed varbos ankaŭ aliajn. Ni bezonas vin, sed d-ro Kondor pravas skribante „kial vi ne uzas vian grandan talenton (mi ne dirus) por la bono de UEA, sed almenaŭ por kunlaboro dum kiu vi povus montri DIGNE, ke vi pravas kaj „rektigi ilian vojon" en tiuj punktoj en kiuj ili eraras (laŭ vi), sed fondi revuon nur por tio, ke vi povu libere ataki IUN aŭ ION tio vere ne decas, almenaŭ laŭ mia opinio.*

*Do, mi iros al Varsovio, ne pro tio ke mi „ne rajtas fari alimaniere" kaj mi tute ne samopinias kun vi, ke varsovia aranĝo estos „fuŝaĵo" (ŝajnas, ke vi ege ŝatus, ke ĝi estu tia ĉu?). Tamen mi deziras al via grupo, ke ankaŭ solenaĵo en Graz havu multajn apogantojn kaj partoprenantojn.*

LG : Dankon pro via dua letero alveninta antaŭ nia respondo al la unua. Vi diras, ke ni ne traktis objektive la temon de „Esperanto-asocioj landaj aŭ internaciaj". Ni volus scii kiel ni pekis kontraŭ objektivecon por publikigi viajn kritikojn.

**La malfacilaĵoj de UEA** estas konataj, ĝi fakte nek povas nek klopodas ĉiujn kontentigi. Objektiva priobservo tamen rivelas, ke ĝi ĉiam strebas silentigi, izoligi, prisilenti kaj kalumnii la samajn. Pro tio endis lanĉi novan periodaĵon, kiu eldiras la opiniojn de tiuj, kiujn UEA mem kungrupigis per siaj metodoj kaj politika alcelado. Sed la celo de LG ne estas atakadi arkaikiĝintajn Esperanto-organizaĵojn. Nia periodaĵo klopodas disvolvigi la Zamenhofan Esperanto-movadon, disvolvigi la liberan Esperanto-kulturon kaj kreadi novajn valorojn.

**Esti reakciulo** signifas ne havi proprajn opiniojn,

ĉiupreze defendi la jam ekzistantajn kulturajn kaj sociajn strukturojn, ne agadi por krei ion, sed nur por detrui tion novan, kion aliaj fortostreĉas konstrui. Ni kredas, ke ni estas konstruantaj novajn federaciajn strukturojn, kiuj helpos la Esperantistojn de la venonta jarcento pligrandigi la internacian, tuthoman kulturon. Ni volas nenion detrui, oni volas nin detrui. Ni volas agadi, ne nur re-agadi. Ni ne opinias, ke tiujn, kiuj volas krei ion novan, oni korekte prisignifas per la termino „reakciuloj".
Ni neniam rifuzis la rajton eldiri siajn opiniojn sur la paĝoj de LG al tiuj, kiuj volis tion fari laŭ la spirito de nia linio. Ni publikigis artikolojn, kiuj kontraŭdiradas niajn propran opiniojn kaj la opiniojn de niaj plej proksimaj amikoj. Se ni ne povas doni sufiĉe da loko al sovetiismaj opinioj, tio ne estas danĝere por nia movado, ĉar la Esperanto-gazetaro estas plejparte sovetiisma. „El Popola Ĉinio", aŭ „Hungara Vivo", aŭ „Heroldo de Esperanto", aŭ „Esperanto-UEA", ĉiuj belaj, bonaj, grandaj periodaĵoj, publikigos la artikolojn konformajn al iliaj politikaj linioj. Ni do tute ne komprenas kial ne estus dece fondi nian revuon por publikigi niajn opiniojn.

La **„Varsovia fuŝaĵo"** ne estas la venonta UK de UEA, sed la sinteno de UEA al landa asocio, kiu ekagis kontraŭstatute. La fuŝaĵo estas ne tuj bojkoti Esperantistojn, kiuj denuncis aliajn esperantistojn. Nenian eblecon ni havas por puni senmoralulojn, krom la malestimo. Pro tio, se la esperantistaro ne subtenadas aranĝon organizitan de tiu ĉi kliko de komisaroj, ni almenaŭ pruvos, ke la „komisaraj" farmanieroj ne plaĉas al ĉiuj el ni. La Varsovia UK, cetere, estos laŭnombra sukceso, ĉar ekzistas sufiĉe da totalismaj landoj por tien sendi sufiĉe da miloj de turistoj, scipovantaj aŭ ne Esperanton.

**La Jubilea Internacia Konferenco en Graz** ne estos same certe sukceso, pro la silentadoj, kalumnioj kaj partizanaj atakoj de sovetiistoj el totalismaj kaj okcidentaj landoj. Vi mem akceptas iliajn metodojn. Ekzemple vi celas bagateligi la Neŭtralan Esperanto-Movadon provante kredigi, ke ĝi estas nur nia „grupo", kvazaŭ nur sovetiismaj mondorganizaĵoj havus la rajton havi nomon kaj la honoron esti Esperanto-organizaĵoj. Se ni ne estintus fonditaj revuon novan, kie la esperantistoj povus legi la veron de nia perspektivo?

ŜAKPROBLEMO **„ŜPB-9"** DE PASKALO

Situacio de la blankularo : rG4.
Situacio de la nigrularo : rE3; tH3; kD1; ĉG1, ĉH4; pF2; pD3; pF6.
La nigrularo, respondinte la lastan movon de la blankularo, ĵus matigis per unu movo, kiel videble sur la diagramo. La blankularo, anstataŭ la laste farita movo (kiu estis la malplej bona el ĉiuj!), povis fari la plej bonan, tio estas matigi la nigran reĝon per unu movo. Kiel?
Tri el la solvintoj ricevos premion, se ilia solvo alvenos antaŭ 30APR87.



## LA DEKERARA TEKSTO

Ni malice enŝovis (almenaŭ) dek erarojn en la suban tekston de ANDERSEN. Ĉu vi kapablas ilin eltrovi? En ĉi tiu sama numero de LG vi trovos ankaŭ la espereble seneraran tekston, kiun tradukis ZAMENHOF mem.

*Ĉiu homoj kriis huran, la parada gardistaro eksonigis musikon sur la stratoj, la sonorigoj sonoris kaj la kukistinoj deprenis la nigra krepon de siaj zukerpupoj, ĉar nun ĉie regis ĝojo. Tri tuta rostitaj bovoj, farĉitaj per anasoj kaj kokiloj, estis elmetitaj meze de la bazaro, kaj ĉi havis la rajton detranĉi al si pecon. La fontanoj ŝpruciĝis plej bonan vinon, kaj kiam oni aĉetis ĉe la bulkisto spesdekan krakenon, oni ricevis kiel aldonon ses grandajn bulkojn, kaj tiuj bulkoj eĉ estis kun sekvinberoj.*

***Peter Zacho, (DK)***

*/.../ mi rimarkigas, ke la vortoj „hurlantaj lupoj" kaj la aliaj esprimoj ja ne estas la miaj. Tion kredas ia legantoj. La vorton „klasmalamiko" aplikas nur fanatikaj marksistoj. Se vi tion povos klarigi en la venonta LG estus bone. Atako!? Kio estas atako kaj kio estas informo pri fiagoj? Tio estas diskutenda filozofia demando. Vi ne persone travivis, kion ni spertis dum la lastaj 15 jaroj /.../*

**LG :** Vi pravas, kaj ni pardonpetas. Bonege konante vin, neniu el ni pensis, ke iu povus atribui al vi la dirmanierojn de sovetiismaj periodaĵoj. Ni volis diri (kaj ni faris ĉi tion mallerte!), ke se oni komencas publike pruvadi, eĉ per la plej realaj pruvaĵoj, la senmoralecon de individuoj, niaj legantoj povus supozi, ke ni volas utiligadi la rimedojn, kiujn kutime eluzadas la sovetiistoj. La cititaj fivortoj kompreneble ne apartenas al la vortaro de civilizita kaj klera homo, kia vi estas. Ni citis ilin el pluraj periodaĵoj (Heroldo de Esperanto, Internaciisto kaj aliaj), el artikoloj, kiuj klopodis ĵetadi koton sur profesoron Lapenna kaj sur kelkajn aliajn grand-famajn esperantistojn. Bonvolu kredi, ke neniu volis meti vin sur la moralan nivelon, kie estas la aŭtoroj de tiuj artikoloj.

***Prof. Juan Regulo - Perez, (E),***



*Hieraŭ atingis min la 8a kajero (31JAN87) de LG, kie interalie mi legis vian bonan resumon pri miaj prelegoj dum la Kultura Semajnofino 1986 de SEL sub la titolo „Juan Regulo Pérez en Homburgo". Mi volas tuj skribi al vi, unue por vin danki kaj gratuli pro tiel verva kroniko, kaj due ĉar en tiu raporto enŝteliĝis du tajperaroj, kiuj iel min ĝenas, nome : la citaĵo el Cicerono tekstas „Vitam regit fortuna non sapientia", kie vi mistajpis nec; kiel sciate tiu nec, kiel la Esperanta nek, povas veni nur post antaŭa nea vorto, kvankam en la latino estas esceptoj. La alia tajperaro rilatas al kial mi ne forkabeiĝis „... post la Hamburgaj Eventoj en 1974a, kiam sovetiismaj landasocioj kaperis UEA-n". Nu, en miaj publike aperintaj diroj, mi ĉiam parolis pri la „hamburgaj eventoj", pri la „hamburgaj okazaĵoj", kaj en leteroj kaj konversacioj mi aldone parolis pri la „hamburga puĉo". Sed neniam mi ligis tion ekskluzive al „sovetiismaj landasocioj", ĉar mi estas konvinkita, laŭ miaj konversacioj en Hamburgo kaj laŭ posta korespondado, ke je la eksigo de Prof. Lapenna kiel prezidanto de UEA aktive kunhelpis tre seriozaj kaj sinceraj kontraŭsovetiismaj komitatanoj de UEA. En Hamburgo mi abdikis ĉiujn miajn postenojn ĉe UEA pro persona lojaleco kaj amikeco al Prof. Lapenna, kaj pro solidareco al lia profesia honesteco kaj al lia giganta esperantista agado. Mi lin akompanis dum pli ol unu horo en unu el la grandaj malplenaj salonoj de la Kongresejo, dum li estis tute sola kaj la novelektita estraro de UEA tostis pro sia sukceso en apuda ĉambro. Kiam en 1977 oni demandis min, ĉu mi akceptus kandidatiĝi por la honora membreco de UEA, mi ĝentile rifuzis, ĉar oni povus tion misligi al la hamburgaj eventoj; sed kiam en 1984, dek jaroj post la hamburgaj eventoj, UEA denove min demandis pri kandidatigo, mi jese respondis, kaj mi estis elektita honora membro en Vankuvero.*
*Anticipe mi vin dankas pro la ĝustigo de tiuj du detaloj.*

**LG :** Jen! Niaj korektistoj bedaŭrinde scipovas ne sufiĉe bone la latinan. La raportaĵo kompreneble klopodis nur konservi la sencon de via longa kaj interesa prelegserio, ĝi ne citis viajn vortojn, kiuj tamen klare signifis, ke vi donas decidigan rolon al „komunismaj" (laŭ ni „sovetiismaj", ĉar la komunistoj inter ni ne opinias, ke temas pri „komunismo") landasocioj.

***D-ro Wolfgang Günther, (D)***

*Via respondo al mia letero efektive sekvas la malĝustan spuron. Kaj, sincere dirite, ne estas ekkoneblaj kiel vi povintus enspuriĝi tiom malĝuste. Vian argumentadon mi tute konsentas, nur : ĝi mejlmejle pretertrafis kion mi diris.*
*1. Karakterizinte la redaktorajn vortojn en LG n-ro 7 „pli dekstraj", mi celis kutiman uzadon de ĉi tiu priskribo : „konservatisma", „liberala", „homcentra". Miarilate mi neniam uzis kaj ne kutimas uzi kategoriojn kiel „dekstra" aŭ „maldekstra" aŭ „meza". Mia vidpunkto estas la biologidevena, ekologia aŭ biokibernetika. Kaj miaopinie mi sufiĉe unusignife klarigis tion. Ĝuste la fakto, ke nia fundamento restas ekster la tradiciaj „ideologioj", rajtigas nin provi nian biokibernetike limigeman liberecon fronte al ĉiuj esperantistoj, ankaŭ al tiuj, kiuj unu al la alia imputas totalismon.*
*2. Mi ne postulas, ke vi ne diru vian opinion. Kompreneble vi rajtas. Mia respondo volas kontraŭargumenti, ne malpermesi.*
*3. Vi uzas la vorton „solidareco" ĝuste laŭ via difino. Vi rajtas fari tion, nenia dubo pri tio. Sed ni*



REVUOJ

*pretendas ekster la nocioj de „dekstra", „maldekstra", „(nov)naziisma", „pacifisma" — kia ajn — la solidarecon de LA vivo. Kaj ĝuste tio ĉi ŝajnas al ni pli taŭge konforma al tio, kion oni nomas la „interna ideo", post subtraho de ĉiaj ideologiaj „superkonstruaĵoj".*
*4. Mi ne prezentis „kompromison" kun nazioj (kaj mi estas tentata aldoni „kaj vi scias tion"!), mi prezentis (laŭ mi) racian ekzemplon de intelekta alpaŝo de disigaj problemoj pere de interparolado — ĉie kaj ĉiam, kie kaj kiam eblas. Do, bv. ne timi : novnazianoj certe taŭgas por prizonoj!*
*5. Mi ankaŭ ne diris, ke en totalismaj reĝimoj (vi ĉi-kaze aludas komunismajn reĝimojn, sed kio pri la totalismo, ekz. de la entreprenisma sistemo, kaj pri la perforto, ekz. de la kemiaj trustoj, en „niaj" demokratioj?) oni pli respektadas la vivomedion. Mi fakte subkomprenigis la malon!*
*Mi absolute konsentas kun via tre bona difino de la nuntempa stato de „'paca kunekzistado' kiel politika kondiĉaro pri prezoj de momenta malmilito". La diferenco inter vi kaj mi estas mia iom alia nova alpaŝo (ĉu vere nova?). Mi akceptas la plej grandan parton de via kritiko koncerne la orientan totalismon, sed mi ne povas akcepti vian akceptemon de nia okcidenta totalismo. La paradigmo (valorsistemo) de la „politika ekologio" rilatas al la esencaĵoj de LA vivo, negrave la ideologiajn interpretadojn. Pro tio ni nomiĝas biologidevenaj. Por doni okulfrapan ekzemplon : Mi pretas same defendi per mia vivo la Homajn Rajtojn kontraŭ detrua totalismo (tiurilate mi ne estas pacifisto) kaj la rajtojn de ĉio viva kontraŭ ĉia detrua orienta aŭ okcidenta (t.n. „demokratia") totalismo.*
*Kaj jes, vi ankaŭ pravas en tio, ke ni devas akcepti la homon kiel „mastron de sia historio", „sed", ni certe aldonas, „tio nur ene de la nun ekkoneblaj limoj, elteneblaj de la biologio de ĉi tiu Planedo kaj kadre de ties biokibernetikaj reguloj".*
*Ĉu vi vere opinias, ke tiu ĉi supera „fundamentisma" pensado dependas de iu publikado, ĉu en Oriento aŭ Okcidento? Mi fakte kredas, ke ni estas pli proksimaj ol ni volas konfesi...*

**LG** : Do, ni interkonsentas preskaŭ pri ĉio.
La miskomprenoj estas en la vortuzado kaj en la nuancoj. Eble oni devas aldoni la fakton, ke ni malpli fidas pri la sciencaro, ol vi. Ni uzas la vorton „**totalismo**" por socia-politikaj sistemoj en kiuj la institucioj leĝdonaj, registaraj, juĝistaraj, priinformaj, ekonomiaj, religiaj kaj aliaj, estas dependaj de ununura politika aŭ religia organizaĵo. Ni ne volas utiligi la vorton „**komunisma**", ĉar laŭ tiuj el nia redakta komitato, kiuj sin diras „komunistoj", tio, kion ni riproĉadas al totalismaj sistemoj, ne estas esence komunisma. Nome, veraj komunismo kaj socialismo povas respekti la individuajn liberojn politikajn kaj ekonomiajn se ili ne sekvigas ekspluatadon kaj sinfremdigon. Tio, kio estas en Sovetio kaj ĝiaj protektoratoj, estas „sovetiismo", speco de totalismo, ne komunismo.

---




## KION NI TROVIS LEGINDA

***nepre leginda; **leginda; *eble leginda artikolo

E S P E R A N T O , n-ro 971.
** Kiel fartas nia beletro (intervjuoj kun 10 Esperanto-verkistoj).

E T N I S M O , n-ro 40.
** La platdiĉa kaj dulingveco (raporto pri simpozio en Bremeno, organizita de la „Instituto pri platdiĉa lingvo").

H U N G A R A  V I V O , n-ro 5a/1986.
** István Ertl : La rock-opero en Hungario.

H O R I Z O N T O , n-ro 66/6a/1986.
*** Prelegaro pri paco kaj libereco (resumoj).

LA KANCERKLINIKO – La kroma n-ro 4.
* R. Queneau (tradukis : István Ertl) : Stilekzercoj

L A Ŭ T E ! , n-ro 70.
* Ĉenletero pri mondsocialismo.

M O N A T O , n-ro 1/1987.
*** Intervjuo kun Jerzy Leyk : Kiel konduti ne decas.

E L  P O P O L A  Ĉ I N I O , n-ro 1/1987.
* Interparolo inter ĉina kultura vicministro Jing Ĵuoĉeng kaj s-ro Tibor Sekelj.

S E N N A C I E C A  R E V U O , n-ro 114.
*** G. Illés : Unu frazo pri la tiraneco (poemo elhungarigita de M.M.).
* Zofia Banet-Fornalowa : Varsovia esperantista organizaĵo fariĝis pasintjare 80-jara.

S E N N A C I U L O , n-ro januara 1987.
** Henri Masson : Iam ajn, ie ajn.
** Remigiusz Mielcarek : Ĉu Solidarnoŝĉ povis venki?
** P. Dieumegard : Instrui pacon!

V O Ĉ O  DE HANDIKAPULOJ , n-ro 6a/1986
* Ionel-Jeanell Onet : Alia mondo.



# SENMATERIA SKULPTAĴO
## DE GERARD EDSME




*Sin situi sur la sfero, de iam ĝis tiam,*
*for de Laponio mita kaj de ĝia arko reva.*



*La skulptisto Gérard Edsme*

Pluvis ekstere. Ĉiuj ampoloj estis ŝaltitaj en la kunvenejo de la Esperanto-Klubo de Metz la tagon de oktobro 1986a, kiam la juna skulptisto Gérard Edsme enpaŝis. Li havis problemon, kiun, laŭ konsiloj ricevitaj, nur esperantistoj povus solvi. Li skulptadas modernajn skulptaĵojn senmateriajn. Kiel ĉi tio eblas? Simple starigante rilatojn inter estetikaj impresoj de homoj. Kiam mi faras ion saman, aŭ mi faras ion samtempan ol aliaj homoj, ekstariĝas inter mi kaj ili rilataro unika. La juna skulptisto, volante esprimi la unikecon de la mondo okaze de la jubileo de la elmezurado de la longitudarko de Lohja, apud Helsinki, en Suomio, fare de du francaj sciencistoj en 1937a, havis ideon pri



*Gérard Edsme en la Esperanto-Klubo de Metz*

**nova senmateria skulptaĵo**

Li kreas kvindekon da poŝtkartoj el travidebla plasto, kiujn trastrekos nur linio signifanta la longitudan cirklon ĉe Lohja (SF). Li sendigos ĉi tiujn poŝtkartojn el Lohja, kun speciala poŝtmarko memorfesta, al kvindeko da homoj loĝantaj en kvindeko da punktoj de la terglobo, kiuj konservos en siaj hejmoj la malgrandan artaĵon, sur siaj muroj, en kadro, aŭ en siaj tirkestoj. Ĉiufoje, ke unu el ĉi tiuj ricevintoj rigardos la plastan artaĵeton, lia penso eniros la strukturon de la senmateria skulptaĵo, kaj revenus al la „reflektita skulptaĵo" de la artisto, **LOHJA – 1987a**, kiu estos ellaborita surbaze de bildoj resendotaj al la kvindekopo ricevinta la poŝtkartojn. La feliĉuloj elektitaj estos petataj de la artisto resendi al li foton, aŭ alitipan bildon, pri la elvidaĵo el sia kutima hejmo, tra fenestro aŭ pordo. La EKM volis, siaflanke,

**festi la jubilean jaron de Esperanto**

per iu aparta agado. Ĉar neniu ambasadoro, neniu institucio, volis helpi la simpatian artiston, EKM decidis lin helpi, kondiĉe ke la surskribita frazo : *Sin situi sur la sfero, de iam ĝis tiam, for de Laponio mita kaj ĝia arko reva*, estu en Esperanto. Amikino nia, Esperantistino, ŝi mem artistino, akceptis elsendi la preparitajn artaĵojn el Lohja (SF). Ŝi mem pagis la poŝtmarkojn anstataŭ

la artisto. Kiam vi legos ĉi tiun raportaĵon, la kvindeko da homoj jam havos la specialajn poŝtkartojn en siaj hejmoj, la senmateria skulptaĵo jam komencos sian ekzistadon, eble jam la plejparto da partoprenantoj de ĉi tiu amuza arteksperimento estos jam resenditaj la foton pri siaj trafenestraj elvidaĵoj. Se tiuj, kiuj ricevis sendaĵon de la skulptisto G. EDSME respondas al li antaŭ la venonta somero, estos modesta monumento honore al Esperanto kaj ĝia jubilea jaro, kiu humile aldoniĝos al la monumento, kiun stariĝos en Graz, dum la **JUBILEA INTERNACIA KONFERENCO**, la tuta Esperantistaro.




## PROVO DE ANALIZO

Miĥail Gorbaĉov : POLITIKA RAPORTO de CENTRA KOMITATO de KPSU al la 27-a KONGRESO de la PARTIO. Eldonejo : Presagentejo NOVOSTI (APN), Moskvo : 1986, prezo : 35 kopekoj, ĉe UEA : 2,40 gld.

*Demokratio estas tiu sana kaj pura aero, en kiu sole povas vivoplene ekzisti la socialisma socia organismo.* (p. 63)

*Diverĝo inter la vorto kaj la realeco serioze senvalorigas ideologiajn fortostreĉojn.* (p. 99)

Ĉi tiu 152-paĝa broŝuro de APN, bele eldonita, kun la kolora fotaĵo de k-do M. Gorbaĉov titolpaĝe, lasas strangan impreson. Certe, ĝi ne estas beletra verko, sed reala parolado de reala ĝenerala sekretario de reala partio – KPSU (Komunista Partio de Soveta Unio), parolado, prononcita pasintjare antaŭ multnombra aŭskultantaro de la 27-a partia kongreso. En Esperantio oni ne kutimas recenzi paroladojn de la partiestroj, ŝajne pro miskomprenata principo de „neŭtraleco". Ĉar la parolado estas nekutime rapide (por sovetianoj) tradukita en Esperanton kaj ĉar niaj sovetiaj amikoj sendis ĝin al ni por recenzado, mi aŭdacas prezenti al legantoj de LG ĉi tiun unuan provon de analizo, mian personan vidpunkton, kiun la eventualaj legantoj de la broŝuro povos kompari kun siaj propraj impresoj.

### MALEGALECO KAJ KONTRAŬDIROJ

La unua fakto, kiu trafis min dum la legado, estas malegaleco kaj kontraŭdiroj de la enhavo. Ĝi estas sufiĉe realisma kiam temas pri la nuna stato de la sovetia ekonomio kaj la socia vivo (ĉapitro 2), ĝi dronas en kutimaj sovetiismaj ŝablonoj kaj kliŝoj kiam temas pri nuntempa mondo kaj loko de Sovetio en ĝi. La unua ĉapitro „La nuntempa mondo : la ĉefaj tendencoj kaj kontraŭecoj" ripetas preskaŭ senmodife la kutimajn sovetiismajn asertojn pri sia Supereco kaj Ekzempleco por la tuta homaro. Laŭ malnova sovetiisma logiko la mondo prezentas el si du antipodojn : unuaflanke – la monda socialisma sistemo, aliflanke – la monda kapitalisma sistemo. Por priskribi ilin la stilo de antitezoj plej taŭgas : la monda socialisma sistemo – Bono, Progreso, Justeco, Libereco, Paco; la monda kapitalisma sistemo – Malbono, Reakcio, Maljusteco, Mallibero, Milito ktp. Inter ĉi tiuj antipodaj mondoj troviĝas la evoluantaj landoj, dronantaj en mizero kaj ŝuldoj. Tutkompreneble, la tutan respondecon pro ilia „plaga stato" portas la monda imperiismo. Kiel evidentiĝas, en la 80-aj jaroj elstaras „tri ĉefaj centroj de la nuntempa imperiismo : Usono, Okcidenta Eŭropo, Japanio". Pro iu nova zigzago en la sovetia diplomatio la kutima centro de la monda imperiismo – Izraelo – ĉi foje forestas sur la benko de akuzitoj. Ankaŭ



Irano kaj la islama revolucio meritis eĉ ne unu vorton. Sed ne mankis akuzvortoj por la ŝatata celobjekto – Usono – „metropolo de imperiismo", „lokomotivo de militismo" ktp. Oni ne povas nei ke parto da ĵetitaj akuzoj estas entute senbazaj, sed obseda eltirado el vico da faktoj nur de la plej negativajn, montrado nur de parto de la Tuto – tio ja estas mensogado, pri kiu la sovetiismaj adeptoj tiom emas akuzi la okcidentajn ĵurnalistojn kaj politikistojn. Paroli pri „triumfo de la ideoj de libero" en Sovetio estas nekomparebla cinikismo kaj mensogado (kiam prononciĝis ĉi tiuj belaj vortoj, la vivo de Anatolij Marĉenko estis ankoraŭ savebla!). Paroli pri celita kultivado de „malamo al ĉio demokratia" en Okcidento estas evidenta mensogado (la lastaj studentaj manifestacioj en Francio bonege elmontris la grandegan „malamon" de francoj „al ĉio demokratia"!). Sed, komprenebIe, oni ne povas akuzi komuniston pri mensogado. Ĉu pro tio ke en sia vivo li baziĝas sur la „senmorta marksisma-leninisma doktrino", ĉu pro iu, ankoraŭ neklarigebla de sciencistoj, tute aparta psika konstruo, la vera komunisto, laŭteorie, neniam mensogas. Persone mi renkontis neniun komuniston kiu konfesus pri mensogado. La komunistoj povas „erari", „mistaksi", „neekkonscii ĝustatempe", sed neniam mensogi!

## PUTRINTA BURĜA KULTURO

Kutimaj bombardvortoj trafis ankaŭ la „putrintan burĝan kulturon". Ekde 1917-a ĝi ne meritis alian epiteton. Restas nur tute nekompreneble kiel en la naturaj kondiĉoj de la konstanta kultura regreso, malriĉiĝo, „erodo de spiritaj valoraĵoj" (kompreneble samtempe en Sovetio la avangarda kulturo atingas novajn kaj novajn evolupintojn) oni ankoraŭ sukcesas malfermi novajn muzeojn, bibliotekojn, ekspozici-salonojn... Estas nekompreneblaj multaj faktoj : kial, ekzemple, la sovetiaj filmofaristoj partoprenas internaciajn filmofestivalojn, se tie, krom „putrinta burĝa kulturo" nenio alia prezenteblas? Kaj kion do pensi pri dekoj kaj dekoj da talentaj sovetiaj artistoj, forlasintaj la Landon de la Avangarda Monda Kulturo por la putrinta Okcidento? Dancisto Miĥail Barišnikov, kinoreĝisoro Andrej Tarkovskij, pianisto Vladimir Aŝkenazi, teatra reĝisoro (animo de la plej populara Moskva Teatro en Taganka) Leonid Lubimov, verkisto Vasilij Aksjonov... Longegas la listo. Ĉu la burĝaj valoraĵoj, t.e. : mono, perforto, drogoj, prostituado (ne miru – ĝuste tiel skribas por siaj legantoj la plej honestaj ĵurnalistoj de la mondo") logis ilin? Certe, ĉiu kiu vidis la lastan filmon de antaŭnelonge mortinta Andrej Tarkovskij „La Ofero" konsentos, ke ĝuste ĉi tiuj „valoraĵoj" absorbis la talentan kinoreĝisoron dum liaj lastaj vivojaroj!




— *Pasvorto ?*
— *Travideblo !*
— *Enpaŝu !*

## KION SIGNIFAS TOLEREMO ?

La sovetiisma orgojlo kaj naŭziga sinvantado estas vere senlimaj. Bedaŭrinde, la nova ĝenerala sekretario ne faras escepton ĉi-rilate. Li tamen estas pli realisma ol lia antaŭulo kaj konscias ke Sovetio sen reformoj ne plu eblas. Tial persiste kaj fortavole li tenas povon en manoj, forigante ĉion kaj ĉiun, malhelpantan lin survoje. La parolado plenplenas je esprimoj : „ne decas", „ne licas", „devas esti ĉesigita", „gravas ne plu allasi", „necesas rifuzi", „ni ne restos toleremaj", kelkfoje aŭdiĝas stalinismaj notoj : „subfoso de la partia kurso", „rilati plenrigore" ktp. La vortoj : „ordo, organiziĝo, disciplinemo, responsemo" reiras de paĝo al paĝo. Mi atente tralegis la tutan broŝuron, sed eĉ ne unufoje mi renkontis la vorton „Toleremo" en sia origina senco. Ĉi tiu vorto estas tiom malofte uzata en Sovetio ke multaj sovetianoj eĉ ne plu komprenas ĝian signifon kaj sincere opinias ke reale povas ekzisti nur ĝia antonimo. Restas do demando, pri kiu demokratio oni povas paroli, kiam oni eĉ ne scias kio estas Toleremo. Sed, tutevidente ĝi estas „burĝa valoraĵo"...

# MOVADA VIVO

## ĜOJIGAJ PROMESOJ

Kamarado Gorbaĉov eldiris en sia parolado multajn akrajn kritikvortojn kaj prezentis multajn amarajn verojn. Ili tamen estis revelacioj por neniu sovetiano, ĉar ĉiuj pri ili sciis dum jardekoj. Sed antaŭe pri ili parolis nur „kalumniantoj", disidentoj kaj okcidentaj ĵurnalistoj. Nun alvenis Epoko de Publikeco kaj milito kontraŭ ĉiujn mankojn. Kamarado Gorbaĉov promesis esti maltolerema rilate korupto „fuŝmastrumeco", blufado, stagnado, „trankvilanimeco" de respondeculoj, „malalta nivelo de labora produktiveco", diŝipado, parazitismaj inklinoj, unuvorte – rilate tutan bukedon da mankoj kaj malsanoj de la sovetia ekonomio kaj la socia vivo.



El „Ici Moscou", n-ro 7a

Mi do sincere ĝojas, pensante pri tio, ke, eble ĝis la 2000-a jaro ĉiuj sovetianoj ekhavos homdignan loĝejon, ke, eble, la longegaj vicoj antaŭ vendejoj malgrandiĝos (aŭ eĉ – ho, fantazio, helpu min! – tute malaperos), ke la vendejaj bretoj estos plenaj je varoj, ke milionoj da sovetianoj ne plu peze manlaboros, ĉar dank'al „akcelita scienc-teknika" progreso oni ekhavos pli da maŝinoj... Pri multaj promesoj mi ĝojas. Sed diras la ukraina proverbo : „La promes' estas ludilo, por stultulo – ĝojigilo". La sovetia popolo jam vidis „pintojn de Komunismo" dum Ĥruŝĉov-regado kaj ĝi kutimas al belaj promesoj. Sed, eble, nun – nun, finfine, la promesoj realiĝos? Eĉ se la bazo de sukceso restas la sama : „**La** entuziasmo kaj kreskanta majstreco servis kaj, ni certas, servos al ni plu, **kiel firma bazo**" (p. 50).

Sed tute ne ĝojigas min la daŭra senprecedenta orgojlado de Sovetio, vantanta sin, fanfaronanta, prezentanta sin, kiel Absolutan Bonon kaj „umbilikon de la mondo". Nenion eksterordinaran promesas la anoncita „senkompata milito kontraŭ burokrateco", se „la kriterio por ĉiuj promocioj kaj translokigoj estas sola : **politikaj** kaj aferaj kvalitoj" (p. 96). La vento de Publikec-epoko blovas tra Sovetio. Kiajn limojn havos la Publikeco? Kiaj veroj estos eldirataj kaj kiuj daŭre restos tabuaj? Ĉu la novan degelon sekvos terura frostego, kiu neniigos ĉiujn junajn kaj kuraĝajn fortojn de la sovetia socio, kiuj iom post iom aperas nun? Multaj demandoj elmetiĝas. Dume klaras nur jeno : la epoko de Modesteco kaj Toleremo ankoraŭ ne alvenis. Kiam post longa bombardado per lerte selektitaj faktoj, senhontaj mensogoj kaj cinika malestimado de aliulo venas konklude pacema propono : „/.../ ni proponas al la kapitalismo konkuradi. Konkuradi en la kondiĉoj de la firma paco" (p. 25) – mi NE KREDAS je ebleco de firma paco en similaj kondiĉoj de malamo kaj malestimo. Kiam la sovetiaj disidentoj diras : „Komence – vera demokratiiĝo, nur poste – malarmado". „Komence ĉesu kriman militon en Afganio, poste parolu pri via escepta pacemo" – ili centprocente pravas.

*E N K O*

P.S. Rilate kulturon. Jena demando interesas min : ĉu Elem Klimov (talenta sovetia kinoreĝisoro, ekde majo 1986a prezidanto de Unuiĝo de Sovetiaj Filmistoj) sukcesos fari filmojn pri Gulagoj? Dum la preskonferenco en Francio li klare eldiris sian intencon : „Ni volas ke ĉio... povu esti filmita. Ke ne ekzistu malpermesitaj temoj". Ankaŭ li diris : „Ni vivas nun revolucian momenton en nia socio. Ekzistas fortoj, oponantaj al reformoj, do, estas lukto".
Antaŭ 30 jaroj estis rehonorogitaj viktimoj de stalinismo. Kaj N. Ĥruŝĉov bonvenigis supreniĝantan stelon literaturan – Aleksandron Solĵenicin. Nun oni bonvenigis antaŭe persekutatan kaj ĉiumaniere malhelpatan Elem Klimov. Kia sorto atendas la novan generacion, ekkredintan ke „la ŝanĝoj ankoraŭ eblas"?

## LA DEKERARA TEKSTO SENERARIGITA

*Ĉiuj homoj kriis **hura**, la parada gardistaro eksonigis **muzikon** sur la stratoj, la **sonoriloj** sonoris kaj la kukistinoj deprenis la **nigran** krepon de siaj **sukerpupoj**, ĉar nun ĉie regis **ĝojo**. Tri **tutaj** rostitaj bovoj, farĉitaj per anasoj kaj **kokinoj**, estis elmetitaj meze de la bazaro, kaj ĉiu havis la rajton detranĉi al si pecon. La fontanoj **ŝprucigis** plej bonan vinon, kaj kiam oni aĉetis ĉe la bulkisto spesdekan krakenon, oni ricevis kiel aldonon ses grandajn bulkojn, kaj tiuj bulkoj eĉ estis kun sekvinberoj.*

# KIEN NI IROS?

**JUBILEA ESPERANTO–KONFERENCO EN GRAZ (A), de la 18a de julio ĝis la 25a de julio 1987a.** La plej elstara aranĝo de la jubilea jaro kun ege ambicia programo. La ĉeftemon de la konferenco pritraktos dekduo da lekciistoj priskribontaj la atingaĵojn de nia kulturo dum pasintaj cent jaroj. La ĉeestontoj povos konscie ekkoni kio jam estas farita, kio estas farota, kio estas farenda.
Sed ne ĉiuj amas la ege seriozajn lekciojn. Ankaŭ ne ĉiuj regas Esperanton jam sufiĉe bone por kompreni ilin. La JEK estas por **ĉiuj Esperantistoj, „ĝi ne estas aranĝo de ICNEM, nek de UEA, nek de SAT, nek de kiu ajn alia Esperanto organizaĵo"**, sekve ĝi ne estas ankaŭ memforesto kaj esprimebleco por komencantoj kaj progresantoj, junuloj kaj maljunuloj. Okazos do paralela programo por ili. Rektmetodaj kursoj por lerni aŭ perfektigi sian Esperanton, turismaj kaj kulturaj aranĝoj, renkontiĝoj de redakcioj kun siaj legantoj, ktp...
**Duonkotizoj por konferencanoj el Orienta Eŭropo, el evolulandoj kaj por ĉiuj rifuĝintoj.** Aliĝkotizoj : por konferencano 800 As (=55 ekuoj), por paro 1400 As (=94 ekuoj), por junulo 600 As (=39 ekuoj). Informu vin ĉe : JEK, d-ro Klaus Perko, Lendkai 111, A-8020 GRAZ, Aŭstrio.

**SOCIETO YVONNE MARTINOT**, Franca Filio de LITERATURA FOIRO - Koop, organizas inter 3-6APR87 la „6-an Sejnan Esperanto-Rendevuon" en Mesnil-Saint-Père, 20 km de Troyes. Dum la aranĝo i.a. okazos prelego de S-ro Walter Zelazny : VIVO DE ZAMENHOF. Detalajn informojn pri la aranĝo kaj ties prezoj petu ĉe : Societo Yvonne Martinot, Suzanne Bourot, 15 B, rue Morel--Payen, F - 10000 TROYES.

**65-a GERMANA ESPERANTO - KONGRESO en RASTATT (D), 17-24APR87.** Inter Rejno kaj norda Nigra Arbaro, en art-urbo baroka nature kreskinta kun tipaj trajtoj. Historiaj vidindaĵoj kaj butikumado tre interesa.
Dum la tuta semajno la distra programo antaŭvidas junularan programon, urbesploran ludon, vizitojn kun gvidantoj, migradojn en Nigra Arbaro kaj al Rejnbordo kaj teatran vesperon. La 21an, 22an kaj 23an de aprilo okazos postkongresaj kurso por infanoj, konversacia kurso kaj priliteratura kurso. Por lekcii en ĉi lasta la organizantoj invitis d-ron Eugène de Zilah (F).
La aranĝo okazos en la dioceza domo Sankta Bernardo, An der Ludwigsfeste 50, D-7550 Rastatt. Aliĝoj ĉe Michael Herrmann, Ostlandstr. 6, D-7231 HARDT. Aliĝkotizoj inter 10 kaj 40 ekuoj, semajnokostoj inter 110 kaj 135 ekuoj. (Unu ekuo valoras ĉ. 2 Ds.)



*Graz, (A) : En la korto de la urbodomo*

## La Migranto

riĉe ilustrita revuo pri turismo, naturbelaĵoj, flaŭro kaj faŭno, ekologio, naturprotektado kaj kulturaj aferoj, estas eldonata de la Esperanto-Fako de Turista Asocio „La Naturamikoj" (TANEF). Ĝi aperas kvaronjare kaj kostas nur 7.00 svisajn frankojn. Petu senpagan provekzempleron de : Liesel Nagel, Roseggerstr. 17, D - 7800 Freiburg, Federacia Respubliko Germanio. Peranto en Belgio : Gustave Fraikin, av. N.-D. de Lourdes 36/4, B-1090 Bruxelles 9, pĉk n° 000-0165944-74, prezo : 175 BF.




*La kongresejo en Rastatt, (D)*



*Claude Gacond, la pedagogo*

**KULTURA CENTRO ESPERANTISTA**, adreso : Postiers 27, Poŝtfako 771, CH-2301 La CHAUX-DE-FONDS (Svisio). Sorĉa pejzaĝo de Ĵurasaj montoj kaj svisa perfekteco de komforto.

– Esperanto-staĝoj por komencantoj kaj progresantoj : 20-25APR87. Prezoj inter 207 kaj 258 ekuoj entute.
– Seminarioj de INTERNACIA FERIA ALTLERNEJO (IFA) :
  - 13-18APR87 : INTENSIVA PRETIĜO AL TRAPASO DE ESPERANTO–EKZAMENOJ, instruos Claude Gacond, direktoro de KCE. Prezo inter 207 kaj 285 ekuoj entute.
  - 18-20APR87 : LA MONTARO ĴURASO EKPRINTEMPE, kultura-turisma semajnfino gvidota de Claude Gacond. Prezoj inter 73 kaj 94 ekuoj entute.
  - 18-23MAJ87 : LA GO-LUDO, instruos Karl-Ernst PAECH, vicprezidanto de la Esperanto-Go-Ligo Internacia.

**LA KVINPETALO**, internacia staĝejo de LITERATURA FOIRO-Kooperativo, apud POITIERS (F), por la formado de kadroj por la Esperanto-kumunumo :

– 17-22APR87 : STAĜO PRI PEDAGOGIO, instruos Jeannine Vincent; celo : prepari kandidatojn al la pedagogia atesto de FEI.
– 1-4MAJ87 : 6a FORUMO de LITERATURA FOIRO — Kooperativo kaj INAŬGURO de la KVINPETALO.
– 9-15JUL87 : STAĜO PRI RECENZOARTO, instruos Eddy Borsboom; celo : formi recenzantojn por Esperanto-redakcioj.

Informoj kaj aliĝoj : Société Yvonne Martinot, „La Kvinpetalo", route de Civeaux, F-86410 BOURESSE.



El „Literatura Foiro", n-ro 99

## INTERNACIA KONGRESO DE „PEN CLUB"

De la 10-a ĝis la 17-a de majo 1987 okazos en Lugano (Itallingva Svislando) la 50-a Internacia Kongreso de la verkista asocio „PEN CLUB". Tiu ĉi asocio estas certe bone konata ankaŭ en la esperantistaro, ĉar ĝi proponas liberecanajn kaj etikajn valorojn similajn je tiujn de Esperanto-movado.

La organiza komitato de tiu ĉi internacia kongreso, per propra spontana decido, intencas dediĉi oficialan seminarion al Esperanto, seminario, kiu okazos ĵaude 14.05.1987, inter 16.00 kaj 18.00. Laŭ la organiza komitato seminario pri Esperanto estas valora, ĉar la ĉi-jara temo de Pen-Club dediĉatas al „limlandaj verkistoj". Esperanto ja troviĝas en speco de „lima lando" inter la multaj landoj de nia terglobo.

Okaze de tiu seminario, ni intencas prezenti la novan libron de Prof. Dante Bertolini (temas pri plua antologio el la originala Esperanta poemaro, kiun li prezentas en itala traduko). Tiu prezento estos en kadro de prelegserieto pri la kultura signifo de Esperanto kiel interlingva perilo.

Ni alvokas ĉiujn anojn esperantlingvajn de Pen-Club partopreni al la ĉi-jara 50-a kongreso, kaj kontakti kun mi mem (Dr. Tazio Carlevaro, Via Alberto di Sacco 6, CH-6500 Bellinzona, Svislando), por inde pretigi (eble kune) tiun unikan ŝancon prezenti la Esperantan kulturon.



## VALOROJ DE POHORA PRODUKTAĴO EN SES LANDOJ

Oni ofte babiladas pri salajroj, kaj oni bone scias, ke pohoraj salajroj estas neegalaj en diversaj landoj. Malpli ofte vi aŭdas paroli pri la valoro de varoj, kiun produktas unuhora laboro. Ĉifoje ni donas al vi statistikon pri ĉi tiu grava faktoro en ses komparindaj landoj. Tamen, ne forgesu, ke ne la laboristoj estas pli aŭ malpli valoraj en la komparitaj landoj, sed la socia-politikaj organizaĵoj ekonomiaj. Estu MPS la meznombra pohora salajro; VLP la valoro de unu laborhora produktaĵo; la kvociento de VLP per MPS informas nin pri la konkurenca forto (KKF), kiu dependas ankaŭ de aliaj faktoroj.

| | MPS en ekuoj | VLP en ekuoj | KKF |
|---|---|---|---|
| BELGIO | 11.01 | 44.92 | 4.08 |
| FRANCIO | 08.07 | 38.65 | 4.79 |
| GERMANIO-D | 10.72 | 48.31 | 4.51 |
| ITALIO | 08.34 | 27.05 | 3.24 |
| JAPANIO | 05.85 | 35.75 | 6.11 |
| NEDERLANDO | 10.72 | 49.76 | 4.64 |












LA GAZETO utiligadas nur la ekuon kiel monunuon. La ekuo estas Eŭrop-Komunaĵa Unuo (**EKU**) de kalkuloj. Kiam temas pri naciaj monunuoj LA GAZETO nomas ilin "**spesoj**", kaj, por difini ilian fontoŝtaton, metas la internacian poŝtkodan mallongigon antaŭ ilin. Ekzemple, "26 Ds" signifas: "26 germanaj markoj el Federacia Germanio".

1 EKUO VALORIS JE 26FEB87

| | | |
|---|---|---|
| 14.530 As | 6.876 Fs | 2.333 NLs |
| 1.617 AUSs | 0.735 GBs | 160.000 Ps |
| 42.770 Bs | 151.700 GRs | 211.997 PLs |
| 0.967 BGs | 48.992 Hs | 7.321 Ss |
| 1.506 CDNs | 1469.000 Is | 5.129 SFs |
| 1.738 CHs | 0.776 ILs | 0.713 SUs |
| 6.172 CSs | 43.054 ISs | 344.561 TGs |
| 2.065 Ds | 173.500 Js | 0.887 TNs |
| 7.794 DKs | 42.770 Ls | 812.070 TRs |
| 4.970 DZs | 9.242 MAs | 1.132 USAs |
| 145.100 Es | 7.922 Ns | 485.842 YUs |





# Judaj Rakontoj



Desegnaĵo de Szymon Kobyliński

Iu juda koĉero, elprofitante negrandan ĉelandliman trafikon, kontrabandis teon, kaŝitan en paktolaj sakoj. Kiam doganistoj demandadis lin :

– He! Moŝek, kion vi veturigas?

Li senhezite respondadis :

– Furaĝon por ĉevalo, sinjoroj gardistoj!

Kaj la procedo daŭris sufiĉe longe. Sed, iun tagon, gardistoj reviziis la sakojn. Post la esplorado, ili sin ĵetis al la koĉero, kolerante :

– Tio estas furaĝo? Tion manĝas ĉevalo?

– Ne mia problemo, se ĝi ne volas, ĝi ne manĝu! – elrezonis la judo.

* *

Ĉe la fama saĝulo, rabeno Ŝamaj, aperis ia alikredulo kaj alparolis lin :

– Mi akceptos la religion de Moseo je kondiĉo, ke vi prezentos al mi principojn de La Sankta Skribo, starante sur unu piedo!

Aŭdinte tiajn provokantajn vortojn, rabeno Ŝamaj ekkaptis bastonon kaj elpelis la fiulon el sia hejmo. Sed la nekorektebla direktiĝis, kun la sama demando, al rabeno Hilel, kiu – opone al pasia kaj eksplodema Ŝamaj – estis kvieta kaj pacienca. Rabeno Hilel plenumis la deziron de la entrudulo kaj starante sur unu piedo, diris :

– Agu kontraŭ neniun, kiel al vi mem ne plaĉus! Jen tuta Torao*. La resto estas nur komentario.

* *Torao – Hebrea nomo de la Leĝo, tio estas, de la 5 unuaj libroj de la Biblio.*

*El la libro MADROSCI ZYDOWSKIE, Wiedza Powszechna, Warszawa 1961, kompilita laŭ anekdotoj de polaj judoj fare de Aleksander Drożdżyński, tradukis el la pola* ***Erta Liczmańska.***

---

## KRUCVORTENIGMO "KVE-9"



HORIZONTALE:

1 – Teatra funkciul'. 2 – Betlehemo * Latine : saluton. 3 – Fluoro * Sufikso * Preĝejfinaĵ'. 4 – Arbara kolombo * Antaŭhavene. 5 – Altarbilda * Monogramo de la aŭtoro de „La Tragedio de l'Homo". 6 – Inklin' * Vientian-regn' * Sufikso. 7 – Popol' * Helena kantist' * Tuno. 8 – River' tra Moldavio * Mio. 9 – Urugvajo * „Literatura Mondo" * Tegmenta elstaraĵ'. 10 – Grava punkto de flosantaĵo.

VERTIKALE:

1 – Pridemandad'. 2 – Mezurunu' * Litova river' * Hispanio. 3 – Sudslava popolan' * An' de antikva hind-eŭropa gento. 4 – Barbare detruema. 5 – Sufikso * Rilata al Siberia rivero * Tajlando * Kubo. 6 – Grekdevena virinnomo * Francia river' * Neoficiala sufikso por signi tribon. 7 – Italio * Ĝustige velojn * Membr'. 8 – Vazeto * Enfluej' de rivero en maron. 9 – Aŭtoro de „Metamorfozoj" * Pezunu'. 10 – Jezuo.

Tri solvintoj ricevos premiojn se ilia solvo alvenos antaŭ 30APR87.



# LOGIKE, ESPERANTE.



*Rikardo Ŝulco*

Rikardo Ŝulco estas naskiĝinta en Hamburgo la 12an de Julio en 1906. En somero de 1986 li do fariĝis okdekjara.
Esperanton li lernis jam en 1932 kaj, pro la malfavoraj kaj malfacilaj historiaj cirkonstancoj, ree forgesis pri ĝi. Post sia emeritiĝo kiel gimnazia profesoro pri Latinidaj lingvoj, li komencis novan karieron kiel grafikisto. Li estis ĵus komencinta iomete konatiĝi (desegnolibroj, ekspozicioj, muzeoaĉetoj), kiam li, en 1974, ree malkovris la pluekziston de la Internacia Lingvo. Li tuj rezignis, konscia pri la graveco de la afero, ĉiujn aliajn okupojn kaj laboras ekde tiam eksklude por Esperanto. Atestantoj estas precipe liaj Germanlingvaj poŝlibroj, por kiuj li ricevis dufoje (en 1977 kaj 1980) la libropremion pri la fako „lingvistiko" de la Laborkomunumo pri Varbado, Merkato- kaj Opini-Esplorado (AWMM). Inter la Esperantistaro li konatiĝis per siaj tradukoj el Henriko Boelo, Kristiano Morgenŝterno, siaj originalaj Esperanto-versaĵoj kaj, kiel kontribuo al la Esperantologio, per sia PLEDO POR UNUECA LINGVO. Li krome eldonas de jam sep jaroj la ĉiumonatajn VESTFALIAJ FLUGFOLIOJ. En Decembro 1985 li estas nomumita adjunkto-docento de la AKADEMIO INTERNACIA de la Sciencoj San Marino.

Se oni prenas serioze la profesion de eldonisto, tiam rezultas en la paso de la jaroj multaspecaj konatecoj kun la plej diversatipaj gravaj personoj. El malmultaj da ili eventuale povas sekvi sincera amikeco. Sed amikeco estas valorega bonaĵo, al kiu interrilati ŝpareme kaj memregardeme estas rekomendinde; kaj ĉi tio tute aparte en la malfruaj amikecoj de nia vivo, kiuj havas tute alian strukturon ol la amikecoj de la juneco.
Rikardo Ŝulco kaj mi renkontis nin nur kiel maturiĝintaj, sciantaj homoj, kaj sub cirkonstancoj, kiuj ne indikis rilaton inter eldonisto kaj aŭtoro. Rikardo Ŝulco mem estas trafe priskribinta tion en la libro, dediĉita al mi, „Barikado el Veturiloj" (Wagenburg) sub la titolo „Renkontiĝoj". Ni bone interkompreniĝis prijuĝante literaturon kaj arton. Niaj konversacioj atingis profundejojn, pruvis feliĉigajn konformecojn.
Sed tiam io aparta aldoniĝis, por mi nova tereno, de Rikardo Ŝulco Esperantujo nomata, en kiun li min forkondukis tiom entuziasmiĝinte kiom delikate. Mi certe jam estis aŭdinta ion pri la Internacia Lingvo Esperanto, ankaŭ pri ties kreinto d-ro Ludoviko Zamenhofo, sed mi apenaŭ estis interesinta min pri ĝi. Rikardo Ŝulco kaj mi jam konis nin de kelkaj jaroj, kiam li petis de mi prijuĝi lian manuskripton MIA AMATA ESPERANTO. Estis unu el tiuj raregaj legadoĝojoj de la eldonisto. Estis ĝuplenaj horoj konatiĝi kun sukcesinta koncepto, esti ameme enkondukita en novan mondon. MIA AMATA ESPERANTO — sentemeca titolo, sed legante mi rapide eksentis, ke ĝi trafas precize. „Ŝi" estas lia amatino, tiu lingvo Esperanto. Pro ŝi Rikardo Ŝulco en siaj malfruaj jaroj de vireco tutege perdis sian koron, pro ŝi, kiu iam jam estis estinta la amatino de lia juneco.
Kompreneble, mi metis titolon en la eldonejan programon, tiam ankoraŭ nesciante, apenaŭ supozante, kiom elspeziga, problemoriĉa eldoneja ĉapitro per tio estis malfermata. Sed ĉi tiu unua libro de Rikardo Ŝulco estiĝis tiel nomata „longadaŭra vendaĵo" (longseller), kiel oni diras inter fakuloj. Ĝi estas jam atinganta la trian eldonon.
Pliaj entreprenaĵoj sekvis: la traduko de Boelo (Böll), tiu el Morgenŝterno, la brilaj 333 limerikoj kun sia probable unika instrukcio „Kiel fari limerikojn?". Krom tio mi observis la Esperantistan evoluon de Rikardo Ŝulco, legis preskaŭ ĉiujn liajn produktaĵojn en la Germana kaj en Esperanto, ĉar mi dume mem estis komencinta lerni, parte sub lia gvido, parte aŭtodidakte, sed antaŭ ĉio per partopreno en Esperantokunvenoj kaj kongresoj, kaj per

legado. Mi fariĝis membro de la Universala Esperanto-Asocio kaj de la Germana Esperanto-Asocio – pro la konvinko, ke povus realiĝi revo de la homaro, se la politikistoj ekkonus la gravecon kaj la eblecojn de tiu, laŭ mia prijuĝo, plej granda elpensaĵo de la lasta jarcento. La homoj per Esperanto povus havi komunan duan lingvon, povus trans ĉiuj lingvolimoj interkompreniĝi; estus kreita la plej grava antaŭkondiĉo por daŭrema monda paco.
En la paso de malmulte pli ol dek jaroj Rikardo Ŝulco estis akceptata inter la gvidanta grupo de la scienca Esperantismo. Li konstante interrilatas kun multaj gvidantaj Esperantistoj. Li persiste laboras por la observado de la Zamenhofaj lingvoreguloj, por „unueca" altnivela Esperanto. Kiom liaj delikatsente kompreniĝemaj poeziversioj, tiom liaj originalaj versaĵoj altiras ĝeneralan atenton. Li estas fariĝinta serĉata prelegisto kaj deklamanto, kvankam li timas ĉiun publikecon pro sia malbona aŭdokapablo.
La eldonejo opiniis oportune je la 80a reveno de la naskiĝtago de Rikardo Ŝulco eldoni liajn multanombrajn, gravajn eseojn kaj prelegojn kiel libroforman kolektaĵon. Ĝi esperas tiel plenumi deziron kaj fari ĝojon ne nur al li, al la jubileulo, sed ankaŭ al multaj Esperantistoj, aparte al tiuj en la Germana lingvujo.
Por Rikardo Ŝulco ĉi tiu libro estas intencita kiel danko kaj rekono por lia memdonemo al granda afero kaj kiel saluto okaze de lia honora tago. Niaj sinceraj deziroj koncernas lin!

***Henriko M. Blajĥero***

## KONCIZA HISTORIO DE LA ESPERANTO-LITERATURO

*(La redaktoro de LG ĉeestis intergrupan aranĝon de MFKA en Sant-Pau-d'Ordal (E), kaj tie, en la riĉega „Muzeo de Esperanto", li konatiĝis kun la giganta, ĉirkaŭ 120-voluma ENCICLOPEDIA UNIVERSAL ILUSTRADA EUROPEO-AMERICANA. Ĝi probable estas la plej ampleksa enciklopedio en la mondo : vera fonto de ĉiuj konoj. Kompare al ĝi bagateliĝas la plej grandaj enciklopedioj, eĉ ENCYCLOPEDIA BRITANNICA (angla) aŭ ENCYCLOPEDIA UNIVERSALIS (franca). La giganta verkaĵo donas la etimojn de ĉiuj terminoj, post kiuj, parenteze, vi trovos ekvivalentaĵojn en la lingvoj : franca, itala, angla, germana, portugala, kataluna kaj* ***Esperanto (!).*** *Kion faras esperantisto kiam li trafoliumas tian verkaĵon? ... La redaktoro de LG agis same kaj tuj rigardis kion la enciklopedio diras pri Esperanto, kaj li surprize konstatis, ke ne nur oni priparolas tie, tute honeste, (notinda afero!), Esperanton, sed aldone oni tie pritraktas nian originalan literaturon, kun scienca objektiveco, laŭlonge de 12 densegaj paĝoj. De tiam li ekhavis la nepran deziron konatigi tion, kion skribas ĉi tiu altvalora enciklopedio pri nia literaturo por ĉiuj legantoj de LG, kiuj ne scipovas la hispanan lingvon. Joan Ràfols Vendrell akceptis esperantigi la tekston. Dank'al li vi povas do legi la jenan citaĵon el la fama enciklopedio.)*



***Joan Ràfols Vendrell***

En 1938a estis eldonita alia antologio „Naŭ poetoj" kie inter alie elstaras la sovetianoj Grindel Falkonbrich kaj V.G. Sutkovoj, la litovino(2) Ludmila Jevsejeva (1913-) kiu aperigis sian poezion precipe en revuoj, la sudetano Martin Strümpfel, la germano Karl Vanselow (1877-1960?), kaj la ĉino Saint-Jules Zee (aŭ Sü). El gravaj poetoj inter la du mondmilitoj oni devas mencii la sovetianon Evgenij Miĥalski (1897-1937?) kiu aperigis poezion en sia libro „La unua ondo" (1918) kaj poste „Du poemoj" (1922), „Fajro kuracas" (1932) kaj „Kantoj de l'amo kaj sopiro" (1934). Ankaŭ dum ĉi tiuj jaroj aperis la „Sekretaj Sonetoj" (1932) de Peter Peneter, pseŭdonimo sub kiu multaj kredis malkovri Kalman-on Kalocsay. „Sekretaj sonetoj" estas la unua verko, malpli pornografia ol maldeca, kiu eldoniĝis Esperante, kun granda poezia kvalito. Poste kompletigitaj per aliaj verkoj samstilaj kaj eldonitaj kun la ĝenerala titolo „Libro de amo" ili konstituis unu el la plej gravaj poemkolektoj de la Esperanta literaturo.

Sub la pseŭdonimo Emba, la hungaro Imre Baranyai (1902-1961), krom romano negrava, aperigis en 1938a libron „Ekzilo" kun kelkaj valoraj poemoj. Post lia morto en 1962a aperis „Ekzilo kaj azilo" kun lia tuta poezio reviziita. Hispanujo dum ĉi tiu epoko donis ne malpli ol kvar Esperantajn verkistojn : Rafael de San Millàn, kiu aperigis jam rakonto-libron en 1914a, kaj de kiu aperas „Ŝipopereo" (1921) kaj „Mia poezio" (1932). Fernando Redondo Ituarte (1882-1949), kiu lanĉis „Provo de idearo"-n en Meksikio, kie li mortis kiel ekzilito; kaj du katalunoj, kiuj estis tre konataj pro siaj esperantaj verkoj Jaume Grau i Casas (1896-1951), kiu aperigis tri poemlibrojn : „Amaj poemoj" (1924), „Novaj amaj poemoj" (1927) kaj „La lasta poemo" (1936) kaj Artur Domenech i Mas (1878-1936), kiu aperigis „Poemoj"-n (1937).

Inter aliaj poetoj estas menciindaj ankaŭ : la sovetianoj Nikolai Hoĥlov (1891-1953) kaj Nikolai Nekrasov (1900-1943?), kiu mirinde tradukis „Eugienio Onegin"-on de Puŝkin; la flandro Jan Van Schoor (1846-1955), kiu krome tradukoj aperigis la libron „Amo kaj poezio" (1928); la kroato Bozidar Vanĉik (1909-) kun poezio disvastigita en multaj samtempaj revuoj; la italoj Alessandro Mazzolini (1857-1934) kaj Francesco Pizzi (1880-1946); la germano Josef Burger (1881-); la rumano Misu Beraru (1903-1938) kiu aperigis „Spite la vivon" (1928); la anglo W.B. Johnson (1903-), la bulgaro Marin Ljubin (1903-), pseŭdonimo de Asen Grigorov, tre interesa homo, membro de la Internacia Asocio de Revoluciaj kaj Esperantistaj Verkistoj kaj en la laborista movado grava homo, kiu aperigis „Ruĝa aŭroro"-n (1930), poezion „La himno", kolekton da romanetoj, kaj poemojn „Garbo" (1931).
Ankaŭ menciindas la ĉeĥoj : Milos Lukâŝ (1891-) kaj Tomâŝ Pumpr (1906-), konsiderata kiel bona poezia tradukisto; la svedino Elsa Nyberg (1896-) kaj la japanoj Kenji Osaka, Sakuro Ito (1902-) kaj Nisimura Masao (1907-1940). Ĉi lasta realigas interesan kaj valoran alojon de la inspiroj orienta kaj okcidenta en sia postmorta libro „Edelvejso", eldonita de lia vidvino en 1957.

La rakonta literaturo estas reprezentata de kelkaj aŭtoroj el la unua epoko kiu daŭrigas skribante romanojn kiel H.A. Luyken, kiu en 1922a aperigas „Stranga heredaĵo"-n kaj en 1924a „Pro Iŝtar"-on, daŭrigon de lia antaŭa verko, sufiĉe eksmodiĝinta, kiu ĉefe valoras kiel la unua el la romanarto en Esperanto. John Merchant aperigas alian romanon en 1931a „Kompatinda Klem", ankaŭ arĥaika.

Sed la nova epoko, jam en la spirito de la jaroj inter la du mondmilitoj, tiel nomataj „la feliĉaj dudekaj jaroj", baldaŭ aperis kun Raymond Schwartz. Li komencis kiel humuristo en la famaj esperantaj kabaretoj de la dudekaj jaroj en Parizo : „Verda kato" kaj „Tri koboldoj" kaj li finis per sia granda romano „Kiel akvo de l'rivero" juste konsiderata kiel la plej bone verkita ĝis nun en Esperanto. Inter lia unua libro, „Verdkata testamento", aperigita en Parizo en 1926a, kaj la lasta „Vole... novele, aŭ kvindek jaroj da novelo" en Kopenhago en 1971a Schwartz aperigis serion da verkoj ege rivelantan lian grandan personecon : „Prozo ridetanta" (1928), „Anni kaj Monmartre" (1930), „La stranga butiko" (1931), „La ĝoja podio" ((1949), kaj la citita „Kiel akvo de l'rivero".

Alia grava romanisto de ĉi tiu dua epoko de la Esperanto-literaturo estis la svedo Stellan Engholm (1899-1960). Krom kelkaj notindaj tradukoj el Strinberg kaj Selma Lagerlöf, aperis inter 1943a kaj 1952a „La malgranda revuo", kiu dum la militaj jaroj estis kiel la espero-lumo sur la mondo en flamoj. Liaj romanoj en Esperanto inkluzivas la serion „Torento" komencita en 1930a kun „Al Torento", kiun sekvis en 1934a „Infanoj en Torento" kaj en 1946a „Vivo vokas". For de la „Torento" serio, li aperigis en 1931a romanon „Homoj sur la tero", kiu gajnis la romanan premion de „Literatura Mondo", kaj en 1943a la romanetojn „Maljunulo migras" kaj „Venĝo" konsiderataj kiel majstroverkoj. La „Torento"-serio, kvankam iomete nesufiĉa, prezentas kun prava realismo, la etoson inter laboristoj en sveda vilaĝo (Torento) inter la antaŭaj jaroj kaj la formiĝo de la nuntempa konsumsocio.

Jean Forge (1903-) tre interesa pro siaj personeco kaj verkaro. Tiu nomo estas pseŭdonimo de la filmisto Jan Fethke. Li laboris por la fama UFA, por kiu li produktis filmojn ekde 1928. Lia unua romano, verkita germane, aperis en 1921a, sed du jarojn poste li aperigas jam romanon Esperantan „Abismoj" kaj en 1931a „Mr. Tot aĉetas mil okulojn", verko tradukita en diversajn lingvojn kaj pri kiu la konata filmisto Fritz Lang faris filmon „Die 1000 Augen des Dr. Mabuse". Li aperigis ankaŭ la romanon „Saltego trans jarmiloj". En 1961a li aperigis „La verda raketo"-n, serion da romanetoj kaj en 1974a „Mia verda breviero"-n kie la aŭtoro priskribas siajn aventurojn en la mondo, tra Esperantujo.

*( daŭrigota )*

*Esperantigis J. R. Vendrell*

*2) Laŭ nia scio ŝi estis rusdevena latvino.*






# LEGAĴO

## LA GENTO



*Edmond Privat*

Edmond PRIVAT estas famulo el niaj famuloj. Li estis sviso, pioniro de Esperanto, amiko de Mahatma Gandhi, inspirinto de la nuna plejgranda kultura centro en Esperantio : Kultura Centro Esperantista en La Chaux-de-Fonds (CH). Lia ege riĉa vivo estos temo de pluraj venontaj artikoloj en LG. Unu el la plej gravaj libroj de Edmond Privat estas INTERPOPOLA KONDUTO, nun elĉerpita, kiun eldonis „Literatura Mondo", (H) en 1935a. Vi ne baldaŭ vidos reeldonon de ĉi tiu fundamenta valoraĵo de nia kulturo, ĉar la politikaj premoj, en niaj plej grandaj asocioj malebligas la eldonadon. LG esperas helpi vin en viaj esperantologiaj studoj, liverante kiel legaĵon la duan ĉapitron de ĉi tiu libro.

*Eĉ gentoj primitivaj instruas al infanoj regulojn de konduto faciligantajn al homoj la vivadon en socio. Multnombraj ekzistas ekzemploj de moralo altnivela ĉe popoloj indiĝenaj. En Afriko misiisto konstatis pli grandan sekurecon en vera centrolando de nigruloj ol en apudeco de l'urboj, kie ili najbaradas kun blankuloj.*

*Sed tiu moraleco kompreneble rilatas nur al la interno de la gento. Vi konas eble la respondon de l'afrika ĉefo, demandita, ĉu li punas kiel krimon la forrabon de alies edzino : „Certe, li diris, t.e. se iu forŝtelas edzinon de mia gento, ĝi estas krima. Sed, se mi kaptas edzinon de alia gento, ĝi ne estas krima."*

*Pri naciaj aferoj la modernaj civilizitaj popoloj ankoraŭ staras sur tiu nivelo. Rigardu pri spionado kiel ekzemplo. Ĉu ĝi estas krimo? Sendube, se iu venas el ekstero por promenadi ĉirkaŭ niaj armil-ejoj kaj fotografadi, ĝi estas hontiga. Sed, se ni sendas iun fari tion ĉe l'najbaro, ĝi estas heroa, kaj la kuraĝulo sukcesinta ricevas honorigon pro lia braveco.*

*Sed, en ara konduto, eĉ pli frape sin montras nia du-ŝranka moralo. Ĉe la fino de milito, premita popolo postulas kontentigon de siaj sopiroj en la nomo de l'principo pri nacieco. Apenaŭ gajninta sian propran unuecon aŭ liberecon, tuj ĝi rifuzas al ceteraj la rajton profiti la saman principon. Tuj ĝi klopodas akiri kiom eble plej multe da teritorio kaj aneksi alilingvajn loĝantarojn sen ia konsidero al ilia preferoj.*

*Poste ĝi suferigas ilin ĝuste per la sama ĉikanado, pri kiu ĝi mem antaŭe plendadis... „Sed tio estas ja tute alia afero!" Tiun ĉi respondon vi aŭdos al ĉiu rimarko. Kompreneble ĝi estas alia afero kaj kia estas do la fundamenta diferenco? Ĝuste tia, kia difinis ĝin afrika ĉefo tiel trafe.*

*Estas ja nature, ke la homoj kreis sian dion nacian laŭ la propra bildo. Psikologio de l'amasoj — ankoraŭ tro malmulte progresinta scienco — trovas eĉ tre multaj okazoj, kiam ara konduto montriĝas rimarkinde malsupra je meza moralnivelo de la individuoj enkalkulitaj*.*

*Tamen impresas malpli la konduto mem ol la frapanta nekapableco eĉ imagi alian agmanieron. Individuo ja povas agi maljuste kaj poste rekoni tion, sed patrujo konas nenian malbonon, krom la suferata. Ĝi ne povas esti malprava, eĉ ne venkita. Nur legu ĝian historion en ĝiaj lernolibroj. Preskaŭ neniam ĝi perdis batalon, escepte kiam ĝin perfidis krimulo.*

*Ĝi vere okupas lokon de dio. Ĝi estas maksimumo al si mem sufiĉanta kaj ne kapabla erari. La tuta moralo pri ĝi estas ŝuldata : servi ĝin kun amo. Ofero al la patrujo estas nobla devo. Ofero de la patrujo al ceteraj estas ne imagebla. Juĝo pri ĝi estas blasfemo. Ĝi povas eĉ esti punata kiel ŝtat-perfido.*

*Reprenu la ekzemplon de premita popolo, fine liberiĝinta kaj poste premanta la ceterajn siavice. Sento pri justeco igis vin pledi por tiu popolo, dum ĝi suferadis. La sama sento vin igos defendi tiujn, kiujn ĝi nun ĉikanas. Neniam ĝiaj nacianoj kapablos vin kompreni. Hieraŭ vi estis amiko, hodiaŭ mal-amiko; nur tiel ili vidos kaj maltrafe cerbumos por malkovri kialon.*

*Via juĝo estas ekstera. Ilia sento estas interna rilate al ilia patrujo. Sub ties tegmento ili estas kaj ne povas ekvidi, al kio vi aludas. Ĉu vi estas* ***por*** *ili aŭ* ***kontraŭ*** *ili? Ĉu vi adoras ilian dion aŭ alian?*

*Dumlonge la homoj kredis, ke rondiras la suno ĉirkaŭ nia tero. Ĝin atestas ankoraŭ postsignoj en ĉiuj lingvoj. Kial do miri pri la limiteco de la pri-naciaj religioj?*

*Por ke ne tiel estu sed alie, devas ekzisti kredo je io pli vasta aŭ la kapableco pense meti sin en la haŭton de l' najbaro. Meti sin tien nur per armeoj /kiuj/ postulas malpli kreskintan cerbon.*

*Eniĝi en ĉemizon aŭ ĉapon de certuloj, imagi sin en ilia loko por ekkompreni, kiamaniere ili vidas aferojn, estas mensa ekzerco, kiu faciligas al ĉiu la vivadon en socio. Se ĝin provas malmulte la homoj, ankoraŭ pli malofte la nacioj! Vidu pri armiloj. Tiuj de l' najbaroj nin timigas. Ni aĉetas do pluajn aviadilojn kaj pluajn militŝipojn. „Tion postulas sekureco".*

*Ke la najbaroj siavice maltrankviliĝos pri nia aĉeto, tia ideo eĉ ne venas en nian cerbon. Kiam ili estos farintaj kiel ni mem kaj pligrandigintaj*

# NIA LERNEJO




*sian materialon pro timo al la nia plua, nur tiam ni maltrankviliĝos kaj denove kreskigos nian armilaron. Tio kompreneble ripetigos la fenomenon, kaj tiel plu, k. t. p. senfine. Refleksoj. Konduto besta. Cerbo mallarĝa. Tiel progresadis jam duoncentjaron la konkurado por armiloj. Se ĉiu, antaŭvidante la reagon de l' najbaro, estus timinta la proprajn aĉetojn kiel kaŭzojn de la ceterlandaj, ĉiu estus ŝparinta la elspezon, kaj la sekuro estis pli granda. Nur la vendistoj estus malpli profitintaj.*

*Ĉe la senarmigaj konferencoj, kunvokitaj por haltigi la konkuradon, ne reagas tia logiko, tiom elementa. Eĉ se oni devos redukti, oni partoprenas kun la intenco konservi ĉiukaze pli ol tiu alia.*

*Kion li konkludos el tiu intenco, tio ne ricevas eĉ konsideron, ankaŭ ne la eventuala malsukceso de la kunveno. Se iu ŝtatisto malsame rezonus kaj akceptus egalecon hontigan, li ja riskus famiĝi kiel perfidulo, aŭ almenaŭ kiel malvenkisto.*

*Intervenas ankaŭ demandoj pri prestiĝo. Madariaga komparas iujn ŝtatojn al senmoniĝinta kastelano, kiu nun devas kontentiĝi je tri servistoj. Sed akcepti kvazaŭ kontrakton, kiu trudus al li tian limon, tion li ne konsentas. Propran defalon li rifuzas surskribi**.*

*Dum jaroj elportas regno tre malvolonte la maljustecon de kontrakto brutale trudita de venkinta najbaro. Posta milito ŝanĝas la rolojn. Tiam la najbaro estas la venkinto. Siavice oni trudas al li severajn kondiĉojn. Sed se li plendos kaj rompos harmonion per siaj protestoj, jen forta surprizo kaj nekompreno ĝuste ĉe tiuj, kiuj neniam akceptis por si mem la staton de venkiteco.*

*Kie kuŝas logiko, racio, intelekto en ĉio ĉi? Ne serĉu ilin, kie mankas ili. Dezerta kampo tie. Ĉu vi serĉus racion, kiam vi frapetas lignon gratulante vin mem pri evitita malsano? Hodiaŭ ne kredebla ŝajnas al vi kruda superstiĉo aŭ naŭza kruelaĵo de la Mezepoko. Dume, por la homoj tiutempaj, ĝi estis vero nediskutebla.*

*Vi tro ignoras la stampon kaj kutimon. Potenco fortega. Pozitiva kaj negativa. Kiam ĝin subtenas sento sanktiga, ne sufiĉas unu tago por ĝin aliigi.*

*Enkonduki logikon en similan kampon estus kompleta revolucio. Uzante ĝin por ekmezuri la universon, Einstein eltrovis relativecon. Vi malkovrus tre parencan trovaĵon.*

*Tuj la bezonoj de l'aliaj nacioj aspektus tiom gravaj, kiom la niaj. Tuj alies rajto al feliĉa vivo fariĝus fundamenta por ni. La prinacia religio, en si mem enŝlosita, malfermus la fenestrojn. Etiko nova transkovrus ĝian tegmenton. La Olimpaj dioj estus trovintaj juĝistojn en Hago kaj superleĝon en la spirito de l'homoj. Kia renverso!*

* Ekzemple konsideru linĉadon (kiam civilizitaj blankuloj mort-turmentas ankoraŭ ne juĝitan negron).

** Salvador de Madariaga „Disarmament", p. 26 kaj 53.

## LA GRAMATIK[L]A PUNKTO

### LA ADJEKTIVA VORTO

La adjektiva vorto esprimas la kvaliton aŭ determinon rilatan al substantivo : GRANDA – VIA. Ekzistas **primitivaj adjektivoj**, kiuj estas la unuaj vortoj de la familioj formiĝantaj elde radikoj pro ties signifoj : BELA – TIU...

kaj **derivitaj adjektivoj**,

– kiuj formiĝas elde radikoj kun alispecaj signifoj ĉu substantivaj : FRATA – ĈEVALA – KASTELA – IDEALA – aŭ verbaj : AGA – PENSA – aŭ adverbaj : MORGAŬA – aŭ prepoziciaj : EKSTERA – aŭ numeralaj : UNUA.

– kiuj foje formiĝas eĉ elde dirmanieroj kun kutimaj signifoj : BLUOKULA.

EL LA FUNDAMENTO REGULO § 8 – La **adjektivo** finiĝas per **A**. Kazoj kaj nombroj kiel ĉe substantivo ( **j**, **n** ). La komparativo estas farata per la vorto **pli**, la superlativo per **plej**; ĉe la komparativo oni uzas la konjunkcion **ol**.

LA A-VORTO SIGNAS

| rilaton de | aŭ kvaliton |
|---|---|
| **aparteno** : infana kapo, brila radio | reĝa palaco, brila festo |
| **materialo** : ŝton(hav)a vojo, (plen)ŝtona vojo | ŝton(ec)a koro |
| **aspekto** : or(simil)a brilo | or(esk)aj haroj |
| **ago** : star(ant)a sentinelo, fiks(it)a rigardo | esprim(pov)a mangesto, sentema homo |
| **vicordo** : deka, centa, mila | unua |

E K Z E R C O : (Analizi la signifojn de la adjektivoj) – 1) Muzika noto. 2) Reĝa kastelo. 3) Lupa ruzo. 4) Ora ringo. 5) Lana ŝtofo. 6) Frata helpo. 7) Ĉiela bluo. 8) Vida organo. 9) Tima infano. 10) Babila pordistino. 11) Ĉagrena informo. 12) Ĉagrena koro.

S O L V O : 1) Muzik(rilat)a. 2) Reĝ(aparten)a aŭ Reĝ(ec)a. 3) Lup(ec)a. 4) El oro aŭ Or(hav)a. 5) El lano aŭ Lan(ec)a. 6) Frat(omanier)a aŭ Frat(ec)a. 7) Ĉiel(aspekt)a. 8) Vid(pov)a. 9) Tim(ec)a. 10) Babil(em)a. 11) Ĉagren(ant)a. 12) Ĉagren(it)a.

J.T.

# AFRIKA FOIRO

Per ripar'ita vetur'ilo, mi povis daŭr'igi mian vojaĝon. Mi volis viziti la plej faman brut-o-foiron, tiun en Ajoru[1]. Ĝi okaz'adas apud la river'ego Niĝero, en tre taŭga loko por komerc'ado pro pluraj kialoj: unue, la river'ego estas tie ŝip'ebla per pirogoj[2]; due, tie situas la limo inter dezerto kaj savano, do la etno'limo inter tuaregoj[3] kaj nigr'uloj; trie, Ajoru proksimas al tri land'limoj, tiuj de Niĝer'lando, de Malio kaj de Burkina-Faso.

- Kio kaŭzas la famon de tiu foiro?

- La granda nombro de aĉet'itaj kaj vend'itaj brutoj, pli ol 40000 ĉiu'semajne. Tri'ono el ili estas bov'edoj, alia tri'ono: kameloj, la rest'anta konsistas el azenoj, ĉevaloj, ŝafoj, kaproj kaj kort'obirdoj.

- Ĉu oni komerc'adas nur per bestoj sur tiu foir'ejo?

- Ne nur. Oni povas aĉeti ĉiujn kutimajn varojn: nutr'aĵojn, purig'ilojn, vest'aĵojn, labor'ilojn kaj, kompren'eble, restoraci'etoj profit'done funkci'adas.

- Ĉu vi aĉetis ion?

-Nur kelkajn cigaredojn kaj fruktojn, sed vi rajtas vendi tie kion ajn vi volas. Tio ĉi ebl'igis rekresk'igi mian etan kapitalon dank'al benzin-kanistro kaj kelkaj magnetofon-kasedoj.

**Edgar**



*Brutaro apud Ajoru*




1. vilaĝ'ego en Niĝer'lando. 2. primitiva ŝip'eto el kav'ig'ita trunko. 3. ano de berbera gento, loĝ'anta en Saharo.